# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — DUA JARO — 1—2

ĈEFREDAKTORO: KOLOMANO KALOCSAY
REDAKTA KOMITATO: FERENC SZILÁGYI, LUDOVIKO TÁRKONY, GASTON WARINGHIEN
ĈEFKUNLABORANTO: JULIO BAGHY



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| K. Kalocsay: | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAGO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| Kalocsay—Baghy: | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOJUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via Ebristo.

ENHAVTABELO pri la jarkolekto de 1947 estas almetita al ĉi numero. Pro la altaj kostoj ni bedaŭre ne povas proponi bindilon al niaj abonantoj.

# LA PULO DE ABU MAJUB

Eugeno Heltai

Antaŭ multaj jarcentoj, en la epoko de la justaj kalifoj, kiam la praŭloj kaj posteŭloj de Harun al Raŝid en maskvestajo vagadis ankoraŭ sur la stratoj de Bagdad, por ke per la propraj okuloj ili vidu la mizeron de sia popolo kaj per la propraj oreloj ili aŭdu ties plendon, tiutempe, en iu sennoma vilaĝo de la fora Arabio vivis maljuna saĝulo, Abu Majub. Por lia saĝo estis malgranda la vilaĝeto, sed estis malgranda ankaŭ la mondo, ĉar ne estis por li sekreto en la ĉielo, nek sur la tero. En la servo de Allah kaj la profeto diligente li legadis la Koranon, sed li legis ankaŭ la malnovajn librojn fermitajn per sep sigeloj; li konis la forton de la herboj, la iradon de la steloj; li komprenis la lingvon de la birdoj; li konis mil sepcent kvindek variaĵojn de la virina ruzo. Kiel decas al pia animo, per bona konsilo li helpis tiujn, kiuj trafis en malbonan situacion, eĉ sian lastan paneron li dividis kun la almozuloj kaj vagantaj hundoj, li fastis kaj torturis sin mem, per preĝoj kaj meditado li defendis sin kontraŭ la vantoj kaj tentoj de la mondo, iom superece, ĉar tiuj eĉ sen tio ne estis al li malutilaj. Li estis multe pli maljuna, ol ke li trovus ĝojon en la senbrida amuzado kun la grandsinjoroj kaj en la petolado kun la belaj knabinoj. Tamen lia dorso ne kurbiĝis sub la ŝarĝo de la jaroj kaj de la scienco. Li estis malgrasa, altstatura homo, osto, haŭto kaj barbo, longega, blanka barbo. En tiu ĉi neĝa hararego, el la favoro de Allah, senzorge kaj kontente vivadis eta nigra punkto: unu pulo.

Nenio okazas kontraŭ la volo de la Kreinto. Allah disponigas por ni nian lokon en la mondo. Tiun de Abu Majub en la sennoma vilaĝeto, tiun de la pulo en la barbo de Abu Majub. Ankaŭ tio anoncas la mirindan saĝon de la Kreinto. Ĉiu alia homo tuj mortfrapus la pulon. Abu Majub ne nur toleris ĝin, sed ĉiutage eĉ plurfoje dankis al Allah, ke en sia senfina indulgo Li plantis en lian barbon nur unusolan pulon kaj ne patrintigron kun ido.

Sed la pulon trompis la senfina pacienco de la saĝulo. Ĝi iĝis tro konfidenca kaj impertinenta, pli ol necese ĝi saltadis kaj friponadis. Per sia limita menso ĝi ne pensis pri tio, ke Abu Majub eminentas en aĝo plaĉa al Allah, kiam li surprenas sian pezan sorton kun pia sindono, sen plendo, kun paco de paco; kontraŭe ĝi trompis sin per tio, ke per la rava ĉarmo de sia individueco ĝi lin katenis. Pro tio ĝi pinĉis kaj mordis lin per centoj kaj miloj da pinĉoj kaj mordoj, ĝis Abu Majub fine trovis troa ĝian malican impertinentadon kaj per trankvila voĉo diris al ĝi:

— Sendanka besto, por mi estas sufiĉe el via diboĉado. Kaj estas sufiĉe ankaŭ por la patro de la homoj kaj bestoj. Li donis al mi la paciencon, kaj Li ĝin forprenis. Mi ne mortigas vin, kvankam mi povus fari tion. Sed se vi mortus per cent mortoj, ankaŭ tiam vi ne pagus por tiuj turmentoj, per kiuj vi maltrankviligis miajn tagojn kaj noktojn. Iru kun paco kaj serĉu por vi alian frenezulon, en mia barbo ne estas plu loko por vi.

Kaj li ĝin elĵetis tra la fenestro.

En tiu momento karavano preteriris sub la fenestro, kun amaso da komercistoj kaj kamelpelistoj, kun senkutima abundo de la kamelaj ĝiboj. La karavano veturigis al Damasko silkon kaj perlon, tapiŝon kaj gemon, orbroditan kaftanon, tukon por virinoj, orelringon, braceleton, kaj kunapartenan sklavinon por eminentaj riĉaj aĉetantoj, veziroj kaj aliaj korteganoj. Kaj dum la karavano evite ĉirkaŭiris la vilaĝon, la kamelpelistoj malbele kriegadis kaj svingadis la manojn kaj instigis la kamelojn, por ke tiel ili fortimigu la rabistojn, antaŭ ol tiuj havus emon ataki ilin. Je la granda kriegado kunkuris la vilaĝa popolo kaj rigardis la forirantan karavanon, ĉiu per siaj propraj okuloj kaj kun la propraj pensoj. Unu deziris por la komercistoj la benon de Allah, alia enviis ilin pro iliaj multaj trezoroj, la tria kalkuladis, per kiom da dirhemoj ili riĉiĝos en la foiro de Damasko, la kvara sopiradis je la sklavinoj, kiuj estis kvazaŭ la arĝenta luno, kiam super

la palmoj kaj minaretoj sur la blanka marmorŝtuparo de la nuboj ĝi promenas en la alton de la ĉielo. Kaj inter la gapantoj estis ankaŭ iu virino, bela inter la belaj kaj sentaŭga inter la sentaŭgaj. Al tiu ĉi virino ekplaĉis iu el la junaj kamelpelistoj, kaj kiam ŝi vidis, ke en la granda tumulto neniu priatentas ilin, subite ŝi ŝteliris apud lin kaj flustris en lian orelon:

— Revenu nokte, kiam ripozas la karavano. Skrapu mian fenestron kaj mi enlasos vin. Timu neniom, mia edzo dormas profundege.

La kamelpelisto ne respondis, nur palpebrumis, sed la virinon ankaŭ tio kontentigis. Tuj ŝi kuris hejmen kaj grandegan ŝafan femuron ŝi rostis por sia edzo kaj grandan pecon ŝi ŝtelis el ĝi ankaŭ por la kamelpelisto. Kaj ĝuste tiam ŝi preterkuris sub la mizera balkono de Abu Majub, kiam la pia saĝulo la sendian pulon elĵetis tra la fenestro. Kaj estis destinite, ke la pulo, kroĉiĝante al la virino, ŝin pinĉu je la kolo, poste ĝi lerte kaŝiĝu en iu faldo de ŝia kufo. Tiel la virino hejmenportis la pulon.

Kiam la pulo ekvidis la senforman grandan rostpikilon kaj sub ĝi la grandegan fajron, terure ĝi ektimis. Ĝi timis, ke la virino por ĝi faris la fajron kaj ĝin ŝi tiros sur la rostpikilon. Eĉ moviĝi ĝi ne plu kuraĝis kaj nokte, en la mallumo de la ĉambreto, kiam la kamelpelisto komencis brakumadi la virinon, singarde ĝi pluiris. Per granda salto ĝi saltis sur la kamelpeliston kaj komencis mordadi la malfeliĉulon. La kamelpelisto ekfurioziĝis kaj ekbrugilis meĉon por serĉi kaj mortigi la malican. beston. La lumo de la meĉo vekis el la sonĝo la dormegantan edzon. Antaŭ ol la kamelpelisto povus forkuri, li ĵetis sin sur lin, kaptis sian sabron kaj lin mortigis. La virino elkuris en la nokton, per sovaĝa vekriado ŝi vekis el la sonĝo la vilaĝon kaj la foran karavanon. La kamaradoj de la kamelpelisto kuregis en la domon kaj mortbatis la edzon de la virino. La pulo feliĉe forsaltis en la granda tumulto.

Ĉe la krepusko la amikoj de la edzo kolektiĝis, sur siaj bonaj ĉevaloj baldaŭ atingis la karavanon kaj en la ĝojo de la venĝo ili atakis kaj mortpikis la kamelpelistojn. Kaj ĉar la komercistoj, defendante siajn pelistojn, ekuzis siajn armilojn, ili buĉis ankaŭ la komercistojn. Kaj pelante for la kamelojn, ili revenis hejmen kun riĉa kaptaĵo, kun la silko, perlo kaj gemoj destinitaj por la foiro en Damasko kaj kun la senekzempla amaso de la sklavinoj.

Sed certaj komercistoj kaj pelistoj releviĝis kun siaj teruraj vundoj kaj sian restintan vivon ili trenis ĝis la najbara vilaĝo. Kriadante morton sur la kapon de la murdistoj kaj rabistoj, ili alarmis la popolon, dungis armilistojn kaj promesis al ili grandan premion, milojn da oroj kaj dirhemoj, por ke ili detruu la alian vilaĝon. Tio okazis. La unu vilaĝo detruis la alian kaj la alia detruis la unun. Tie kaj ĉi tie bonan negocon faris la morto, ĉar senpage ĝi aĉetis tion, kio estas la plej multekosta. Tiu sovaĝa kriegado kaj la bruo de la terura batalo aŭdiĝis malproksimen. Je tio unu post la alia venis la ceteraj vilaĝoj kaj post la vilaĝoj la urboj, jen amikoj, jen malamikoj, iu helpis al tiu ĉi, alia helpis al tiu, ĉi tie la semaĵon oni distretis, aliloke la minaretojn oni ekbruligis, unu parto de la lando detruis la alian parton de la lando, la alia parto de la lando detruis la unu parton de la lando, la sanktaj pastroj perdis sian verdan turbanon, kaj la sultanoj perdis tronon kaj kronon. Kaj dum sep jaroj senindulge oni mortigis kaj murdis unu la alian per glavo, sago, lanco kaj jam delonge neniu sciis, pro kio. Pro unu pulo.

Post sep jaroj la Patro de la Epokoj trovis sufiĉa la senkaŭzan murdadon, li malfermis la okulojn de la blinduloj kaj la orelojn de la surduloj, reordonis la sagojn en ilian ujon, la glavojn en ilian ingon, la lancojn kaj jataganojn en ilian zonon. La unu restaĵo de la lando repaciĝis kun la alia restaĵo de la lando, kaj la alia restaĵo de la lando repaciĝis kun la unu restaĵo de la lando. La homoj brakumis unu la alian, je la gloro de Allah oni konstruis novajn brilegajn minaretojn, la sanktaj pastroj denove metis sur la kapon la verdan turbanon, kaj la sultanoj remetis sian kronon. Kaj la justa kalifo tuj kunvenigis la saĝulojn kaj scienculojn kaj ordonis al ili, ke tuj ili skribu la sovaĝan, sangan kaj plorindan historion de la sepjara milito, por eterna edifo de ĉiuj popoloj kaj gentoj, ankaŭ arabe kaj perse, kaj eĉ en la

# Vintra

## Johannes Barbarus

(† 29. XI. 1946.)

Sur vitroj froste brilas
floroj — kia amaso!
Neĝo krakas sub la sled', kiun tiras
blanka prujnokovrita Pegazo.

Jen! kaŭre tie kaŝas
sin neĝamaso-ŝafetoj.
Dum firme sur brilanta neĝ' mi paŝas,
io grincas sub miaj piedoj.

Ho, kie somermemora
koro — planteto eta?
Kanto alauda — spirale trabora —
daŭru soni en orel' poeta!

Ĉu al ripoz' profunda
plene la kor' sin donu?
Ĉu de l' vojoj for en neĝo abunda
nun venteg--blovate mi ekdronu?

Jen! sur ĉiel' — ekbrilo:
flava sulfuro de l' suno
brule disŝutiĝas tra nub-filtrilo,
brilas ŝose' pro ĉi lumo.

Sentas mi: jam somera
varmo sangon ŝveligas.
Lirle la printempa akvar' libera
miajn okulojn heligas.

Sentas mi: jam ekkrevas
flore nova amsento.
Vigle por fluga ekkur' sin levas
ĝojo kvazaŭ fruprintempa vento.

Kiel nun rigidiĝi,
se pro moviĝ' mi brulas?
Povas en versaĵoj la pens' senbridiĝi,
vortojn miajn ritmo fluge lulas.

Kaj mi sentas: degelas
neĝamasoj apudaj.
Jam printempece la rimoj ribelas,
fuĝas meditaĵoj vintre krudaj.

Povas jam velojn levi
mia ŝipo senbara,
Volas bordojn forajn anim' prirevi
ŝvebante sur ĉiel' supermara . . .

El la estona: *Hilda Dresen*

---

lingvo de la ĉinoj, hebreoj kaj hindoj, por ke post multaj jarcentoj neniu povu sin defendi per tio, ke li ne povis ĝin legi.

La saĝuloj kaj scienculoj eklaboris, pridemandis kaj esploradis kaj iom post iom ĉiam pli profunden ili enfosis sin en la tavolojn de la sangaj jaroj; tra la lukto de la disduiĝinta lando ili descendis inter la batalojn de urboj kaj vilaĝoj; traiĝante tra la mallarĝa fendo de la eklukto de la du najbaraj vilaĝoj, ili venis al la buĉita karavano, kaj de ĝi ili venis al la kadavroj de la mortbatita edzo kaj murdita kamelpelisto, kaj samtempe ankaŭ al la komuna vidvino de la du malfeliĉuloj. Tuj ili sendis soldatojn kaj eŭnukojn venigi ŝin en la sennoman vilaĝeton, por ke ili trenu ŝin antaŭ la tronon de la kalifo. Kaj la malbenitan vilaĝon ili prinomis Patrino de Masakroj.

La virino sterniĝis antaŭ la kalifo kaj per la frunto ŝi kisis la teron. Kaj je la ordono de la kalifo ŝi rakontis sian historion, kaj kun la plorsingulto de la plorsingultoj kaj kun la honto de la hontoj ŝi rakontis, kiamaniere ŝia ĵaluza edzo mortigis la kamelpeliston, kiam tiu ekbruligis la meĉon, por ke ĉe ties lumo li serĉu la pulon, kiu per centoj da pinĉoj kaj miloj da mordoj lin turmentis, post kiam ĝi lokiĝis sur li. Kaj la virino juradis, ke ĝi ne estis konata pulo, ne estis dombesto; ĝi estis malica, fremda pulo, ŝi mem portis ĝin hejmen el sub la balkono de la saĝa Abu Majub, tie ĝi saltis sur ŝin, tie ĝi pikis ŝin sur la kolo kaj tie ĝi kaŝiĝis en iu faldo de ŝia kufo, laŭ la volo de Allah.

La saĝuloj kaj scienculoj aŭskultadis ŝin kun granda konsterniĝo kaj ofta balanco de la kapo. En sia animo ili fervore dankis al Allah, ke tiel Li kondukis ilin al la pulo, kaj tra la pulo al la barbo de la saĝa Abu Majub, al la fonto de ĉiu plago, mizero, amaro kaj sufero. Kaj la kalifo ne sciis, ĉu li ploru, aŭ ridu, ĉu li punu aŭ indulgu. Sed tuj li forsendis ŝiajn soldatojn, por la venigo de Abu Majub, kaj la virinon li ĵetigis en karceron, por ke en la malpura kompanio de araneoj,

ratoj kaj de aliaj aĉaj bestoj ŝi meditu pri siaj kulpoj, ĝis kiam venos por ŝi la nigraj saracenoj, kudros ŝin en sakon kaj sufokos ŝin en la granda fiŝlago, esti frandaĵo de la kortegaj ezokoj.

Tio okazis al la virino, kiu estis bela inter la belaj kaj sentaŭga inter la sentaŭgaj. Kaj neniu priploris ŝin, ĉar el la okuloj de la homoj jam delonge elfluis la larmo. Eĉ la lastan guton ili forploris dum la sepjara murdado.

Nu, kaj kio koncernas la saĝan Abu Majub, kiam li ekaŭdis la piedfrapadon de la soldatoj kaj la tintadon de iliaj armiloj, tuj li sciis, ke ili venas por li en la afero de la pulo. Terure li ektimis kaj tremante de la kolero de la kalifo, li prenis sub la brakon sian mirindan barbon, por ke li ne stumblu per ĝi dum la kuro, kaj li elsaltis tra la fenestro kaj per mirinda rapideco de siaj longaj kruroj li forkuris de antaŭ la soldatoj. Tiel li kuris tra vilaĝoj kaj urboj, ebenaĵoj kaj montoj, arbaroj kaj kampoj, kaj liaj persekutantoj kun grandaj kriadoj kaj kriĉoj ĉie estis sur lia spuro, sed ili ne povis proksimiĝi al li eĉ je distanco de sagpafo. Kaj jam preskaŭ ŝajnis, ke li sukcesos eskapi, kiam neatendite kaj senesperige grandega akvo baris lian vojon, kolere brueganta rivero, kiun li ne povis tranaĝi. Kaj la soldatoj en duoncirklo disiris ĉirkaŭ li, por ke laŭlonge de la rivero li ne povu kuri plu, nek dekstren, nek maldekstren nek supren, nek malsupren. Kaj la cirklo iĝis pli kaj pli malgranda. Vidante, ke li atingis la finon de sia vojo, Abu Majub en sia granda premateco falis sur la bordo de la rivero kaj komencis preĝi per laŭta kriado:

— Allah estas mia helpanto, kaj la Profeto estas mia defendanto!

En tiu momento giganta elefanto elkuris el la arbustaro. Ĝia alto ne estis pli malalta ol tiu de la Kaf-monto, ĝia nigro ne estis pli pala ol la nigro de la nokto, ĝia rostro kvazaŭ turo de minareto, ĝia dentego kvazaŭ minaretkolono. La elefanto kaptis la saĝulon Abu Majub kaj sidigis lin inter siajn du orelojn kaj antaŭ la gapantaj soldatoj ĝi iris kun li en la akvon. Kaj unuj ondoj ektimante evitis ĝin, aliaj humile lekadis gian plandon, dum ĝi vadis tra la rivero. Ĉiu ĝia paŝo estis unu mejlo, kaj tamen dum du tagoj kaj dum du noktoj ĝi trenis inter siaj oreloj la saĝulon, kiu esploradis la malfruiĝantan transan bordon el la alto de la nuboj kaj el la najbareco de la steloj. Kaj kiam fine ili venis al sekura loko, la elefanto metis lin sur la teron. Kaj Abu Majub kliniĝis antaŭ ĝi kun amaso da kliniĝoj kaj diris al ĝi:

— Imperiestro de Elefantoj, Reĝo de Dentegoj, Princo de Rostroj, kiel mi danku al vi, ke vi bonvole savis mian mizeran vivon?

La elefanto ekridis kaj ĝia rido estis kvazaŭ tondrado en varmega somera tago:

— Jam antaŭ longe vi dankis tion al mi, saĝa Abu Majub. Tiam, kiam vi indulgis pri mi kaj ne mortigis min, kvankam vi povus fari tion.

Abu Majub mirante skuis sian kapon:

— Se vi tion diras, Princo de Bestoj, certe estas tiel. Sed mi ne scias pri tio. Diru al mi, kiu vi estas, ke vian nomon mi menciu en miaj preĝoj.

Ankaŭ duan fojon ekridis la elefanto kaj nun ĝia rido estis kvazaŭ timiga bruego de mil akvofaloj. Per siaj etaj okuloj ĝi ruze okulumis al Abu Majub kaj diris:

— Mi miras, ke vi min ne rekonas. Mi estas la pulo. Via pulo. Pro via bonvolo mi dikiĝis kaj ŝvelis tiom.

Abu Majub falis surdorsen en la miro de la miroj kaj en la muto de la mutoj. Kaj tiam Allah lumigis lian cerbon. La stulta saĝulo komprenis, ke li povos ankoraŭ ĉion rebonigi, se barante la pluan disvastiĝon de la elefanto, li mortbatos ĝin senprokraste. Rapide li leviĝis kaj ĉirkaŭrigardis, ĉu ne troviĝas ia klabo, ŝtono aŭ io alia, taŭga por tiu celo.

Sed la elefanto priflaris la aferon, levis sian rostron kaj facile blovis sur la saĝulon. Kaj ĝia facila blovo estis kvazaŭ sturmo de ventego kaj muĝo de tempesto. Kaj balainte la saĝulon je kontentiga distanco, la elefanto per teruraj paŝoj malaperis en la arbarego. Abu Majub volis kuri post ĝi, sed li estis laca, kaj ankaŭ malforta, kaj ankaŭ maljuna, kaj ankaŭ malkuraĝa kaj ankaŭ saĝa. Do li kontentiĝis per tio, ke malĝoje li rigardis post ĝi kaj ekĝemis:

Ve, ke mi ne mortigis ĝin kiel pulon!

El la hungara: *L. Tárkony.*

# LA RANO DE PERFEKTECO

## Roy Dickenson, 1888-1943

Steloj brilis. Lunlumigata cedraro moviĝis sub la mola vento. Noktobirdo en la kampo, malsupre de la tendaro, kantis kaj rekantis sian melankolian „vip-por-vilèjo". Kvar viroj, kiuj cetere devus dormi jam de horoj inter la sufokaj muroj de l' urbego, kune sidis apud akvofalo en la Ramapo-Montaro.* Interhabilis.

Al unu el ili ŝajnis, ke li ja aŭdas la Naturon mem, en spirado longa kaj profunda. Li sentis sin proksimega al la vero, tie inter la filikoj. La konversacio, kiel povas okazi en tiaj cirkonstancoj, turnis sin al la religio; kaj Nikoll, kiel ĉiuj homoj, kiuj sentas mem la veron kaj poste penadas klarigi ĝin per infanecaj kliŝvortoj (la solaj iloj posedataj de ni homoj!), parolis, ĝis tiu momento, iom malkonsekvence.

Post kiam Conan Doyle (la spiritisto) estis dece senkreditigita de severvizaĝulo el la urbocentro; kaj post kiam makleristo de radio-aparato klarigis, kial li ne plu vizitas preĝejon, ekparolis Nikoll. „La — la — kio ajn ĝi estas, ĝi tamen estas tie ĉi kaj ĉirkaŭ ni. La vero loĝas interne de ĉiu ajn el ni. Tion mi ne povas pruvi per logiko — sed mi scias. Dio estas interne de ni, interne de ni ĉiuj. Li estas potenco, kiu nur atendas eltiriĝon kaj disvolviĝon. En la universo ekzistas nur unu menso. Ĝi estas *en ni*. Ĝi estas en tiu akvofalo, en tiu arbareto sur la monto. Ĝi estas ĉie identa. Ĝi ĉeestas en tiu ĉi loko — kaj *nun*. Kaj iutage ni revenos al ĝi, ni ĉiuj. Kelkfoje mi komencas kredi, ke Gaŭtamo, la Budho, havis la pravan komprenon."

„Nu, kiam vi fariĝis religiema, Nikoll?" demandis Thompson, la makleristo.

„Troviĝas en ĉiuj ia peneganta celado" daŭrigis Nikoll, ignorante la interrompon, „sed, pro hontemo, ni emas ŝercaĉi pri ĝi. Ia malsato — tio ĝi estas — de kiu oni forkuras al zigzage trasegitaj enigmobildoj, al la kartludo, al dancistinoj kaj teatro, al oranĝosuko kaj drinkado de ĝino. Niaj ĉiudimanĉaj promenadoj al preĝejo similas nur al glicerinaj larmoj de filmaktorino. Ni deziras ion fundamentan. Ni sopiras eklerni ,kie komenciĝas la bluo', kiel sopiris la kompatinda Gissing, kiam li kuregis al la tagiĝo, tute ŝvitkovrita, tute senkuraĝita. Ŝajnas al ni, ke se nur ni povus atingi la proksiman horizonton, ni trovus tion, por kio niaj animoj soifegas. Estas tamen fakto, ke ĉiu, kiu priserĉas la finfinecon, fariĝas tragika malsukcesulo. Kavaliro Galahad sur longa vojo priserĉadis la sanktan pokalon. La Virgulino de Orleano aŭdis la voĉon de Sankta Katerina en pomarbo; ĝi sendis ŝin en longelongan serĉadon. Svedenborgo parolis kun certaj personoj la antaŭvesperon de Kristnasko en 1745; kaj botisto en Goerlitz, Jakob Boehne laŭ la nomo, enrigardis la animon de telero el stanplumbo, unu somertagon en 1600. Homoj el ĉiu epoko estis stumblantaj al io, palpadantaj por io, — por *la finfineco*. Pelataj ili estis de ia malsato. Tiu malsato troviĝas ĉie en la mondo — kaj nun. Se vi legus Oupinsky-n, vi trovus ĝin tie. Ĝi troveblas en Sankta Paŭlo (se vi havas Biblion).

„Jes, en ĉiu el ni troveblas malsato, perpleksoplena sopirado, kiun satigi ni ne povas. Ĉie en la mondo, diversaj homoj palpe serĉas en diversaj direktoj: kaj blinda deziro tremigas kiel marĉfebro la vejnojn de la mondo. Ĉirkaŭas nin subpremitaj voĉoj, etaj flustroj, kiuj ordonas al ni, ke ni ekfaru *ion*. Sed kiaj ili estas, tion ni ne scias, — nek kia estas la ,io'. Ĉiam estas sama. Laŭ la esenco, ĉiam simila estas la evento, kiam oni aŭskultas al etaj voĉoj — al la voĉoj, kiujn aŭdis Mohameto, kaj Svedenborgo, kaj Koperniko, kaj — maljunulo Sanders. Sed kun tiu diferenco, ke maljunulo Sanders malaltigis sian pafdistancon, suben de la astroj kaj ĝis la domtegmentoj. Ĉar li entreprenis organizi muzik-kvarteton el ranoj. — Jen! jen nun! aŭskultu!" —

— De fora loko en la valo alvenis al la

* La nealta Ramapo-Montaro sin trovas nordokcidente ĝis norde de la urbo Nov-Jorko, je distanco de eble 40 ĝis 70 kilometroj.

kunsidantoj , en tiu momento, la sono, kiu jam delonge atingis la orelon de s-ro Nikoll. Estis tio, kio rememorigis al li la grizharan aĝulon, kaj ties klopodegon al difinita idealo. Tiu sono estis la pulsadanta, sonora basvoĉa bleko de estajo suprenrigardanta el koto al la malproksimaj steloj.

„Ĉu vi aludas tiun bruaĉan ranegon, malsupre en la marĉo ?" demandis Thompson.

„Mi aludas tiun voĉon de silento, laŭte elkriantan en la nokto ! " diris Nikoll. „Nu, permesu al mi, ke mi rakontu pri maljunulo Sanders."

De tiam (escepte de interrompetoj pri cigaredoj aŭ piptabako) la grupeto sidadis aŭskultante, dum Nikoll daŭrigis la rakonton, sekvamaniere.

— — — — — — — — — — — — — —

Mi renkontis unuafoje la maljunulon Sanders unu nokton, kiam mi ĉasadis procion. Mi trovis lin sidanta sur ŝtipo, super krutaĵo malantaŭ mia kabano, apud la rivereto Malvern. Jam antaŭe oni ofte rakontis al mi pri li, kaj pri tio, kiel li loĝas kun sia sola filino sur la supro de Prokdorsa Monto, en malnova ŝtondometo, kiu devenas el la epoko de l' holandaj koloniuloj. Oni scivolis, kiamaniere oni povis konstrui ĝin, tie supre sur la monto.

Nu, mi alparolis la maljunulon kaj sidiĝis apud li sur la ŝtipo. La hundoj disvagis tra la arbaro. Estis ĉirkaŭ la dua frumatene — en la horo, kiam ĉiu kreaĵo sin movetas en la arbaro, kaj kiam la virkoko vekiĝas por kikeriki unufoje, antaŭ reekdormo. Mi trovis Sanders bonkora multjarulo, amika kaj normala, kaj li bone konis la arbaron. Ni interparolis unu-du minutojn pri arbaraj aferoj. Tiam mi demandis lin, kiel fartas la filino. Ĉar la pasintan matenon ĉe la matenmanĝo mi vidis lin preterpasi mian kabanon, rapideganta en la malnova aŭtomobilo kiel frenezulo. Post tio, sed antaŭ la tagmanĝo, d-ro Grimes diris al mi, ke la filino havas nenian ŝancon pluvivi. Oni portis ŝin rapide al malsanulejo en la kontea ĉefurbeto, kaj oni operaciis ŝin, en lastminuta klopodo por savi ŝian vivon. Do mi preskaŭ malkuraĝis demandi la patron pri ŝi.

„Ŝi transvivos tute bone" li respondis. Tion li asertis kun absoluta konvinkiĝo, kaj mi diris al li, ke mi forte ĝojas tion aŭdi. Baldaŭ mi demandis, je kioma horo de l'vespero li telefonis pri ŝi.

„Ne telefonis" li respondis. „Mi ricevis la novaĵon jus antaŭ kelkaj minutoj, ĝuste sur tiu ĉi ŝtipo, kaj mi certas. Mi sidis ĉi tie en preĝado dum horoj ; kaj tiam subite mi eksciis, ke ĉio estas en ordo. Dio — *Li* informis min. Li ja scias ĉiujn tiaĵojn. Li scias ilin *en mi*. Precize kiam mi atingis la ekstremon de mia eblo — kiel bovido ĉe l' streĉlimo de l' paŝtoŝnuro — kaj kiam mi do haltis, ĉar mi ne povis pluiri, subite Li komencis en mi — kaj ĉio estas en ordo."

Tiam la homo aldonis kelkajn ideojn plu, laŭ la pensvojo ; kaj en tio mi spertis maloftaĵon. *Mi* sciis, ke *li* scias. *Mi* eksciis, ke li posedas *tion*, pri kio mi delonge serĉis palpadante. Mi eksciis, ke li ja spertis momenton de universala klarvidado. *Io* flustris al lia spirito, kaj mi sentis la tuŝeton de ĝiaj flugiloj, dum preterpaso. Estis strange, sed kontentige. Mi havis en mi novan senton. Post iomete da plua interparolo, li invitis, ke mi vizitu lin de tempo al tempo. Mi alvokis la hundojn, plumarŝonte. Sed antaŭ la disiĝo li diris al mi, ke subite, kiam li ricevis la certigon, li ekvidis klare kaj detale la tutan skemon de l' Dia saĝo. Sanders estis harditulo kaj tre praktika, kaj mi certis, ke kion ajn li spertis, tio estis io reala.

Mi prokrastis, dum du semajnoj, viziton al lia kabano. Tiam mi iutage piedgrimpis al ĝi. Li enlasis min kaj montris al mi la filinon, ankoraŭ en lito, sed preskaŭ preta por ellitiĝo. Mi memoris, ke d-ro Grimes diris, kiam oni forportis ŝin, ke ŝi ne havas por vivo unu ŝancon el naŭcent.

Nu, mi promenis kun Sanders en ombroj malantaŭ la domo, kaj mi penis instigi lin rakonti al mi ion plu pri ricevita vizio. Sed mi ekkomprenis, ke li perdis ĝin. Li retenis el ĝi iometon. Sed, kiel tio okazas, kiam oni estas sub la influo de la gaso (la nitra suboksido), kaj ricevas subitan klarekvidon en la ĝeneralan planon de l' estaĵaro, — tiel ĉe li, la grandioza certeco jam preskaŭ malaperis.

Ĝuste kiel la „granda vero" forvelkas en nenion, precize en la momento, kiam oni liberiĝas el sub la regado de l'anestezilo, li

# KOMPATO

K. KALOCSAY

Ho sankta sent', ke ĉies fato,
ĉies dolor' doloras al mi,
vin volas nun ĉi kanto psalmi,
Kompato!

Vi liberigas nin el limoj
de nia izolita korpo,
per vi eksentas en absorbo
l'animoj,

ke el dispartigita drivo
saviĝi tamen estas ŝanco
en sendivida prasubstanco
de l'vivo,

ĉar la konscian vivsubstancon:
la hom-animojn vi kunligas,
kaj por momentoj neniigas
distancon

per transpontantaj nervofibroj
tra kiuj kuras la suferaj
sciigoj haste per misteraj
travibroj,

kiel se tra la nervkomplekso
de l' sama korpo kuras plenda
alarm' urĝanta por defenda
reflekso.

Kompat'! promeso kaj espero!
Per la ekzisto vi atestas,
ke l' Sendivida Hom' ne estas
kimero!

Sed trans okaza kaj maldika
fadeno de kunaparteno,
ho, kie la eterna ĉeno
fortika,

ke ĉesu jam la tragedio
de dispartiĝo per kunfando
anima en la tera lando
de Dio,

kiun jam de nememoreblaj
epokoj sentis en korfundoj
kaj sopiregis en profundoj
tenebraj

la elektitoj, kies kredo
albrilas tra l'nebulo dika
de la jarcentoj por mistika
heredo;

kiun, por ŝiri nin el vana
barakto de disvoja volo,
anoncis Budho per simbolo
Nirvana,

kaj super ĉio la instruo
kaj korpa-sanga ofer-dono
de l'dolĉa reĝ' de dorna krono,
Jesuo,

sed kiun rompis ĉiam ree
la strebo por la viv' pli bona:
instinkt' perforta, akre sprona,
obee

al kiu la fortul' sen ĉeso
avide ĉasis riĉon, ĝojon,
irante tiel vian vojon,
Progreso,

je l'kosto de mizero sklava,
servuta kaj dunglaborista,
dum en orgojlo antikrista
kaj pava

li filozofis senpeziĝe,
sin savi de morala vomo,
laŭ la freneza superhomo
de Nietzsche,

---

diris al mi, ke li forgesis aferojn, kiujn neniu povas rememori, restante nefreneza.

Sed du aĵkirajoj ja restis la liaj. La sen-ŝancela certeco, ke por unu momento li unu-eciĝis kun Dio, kaj kun ĉio cetera en la mondo ; kaj, due : lia deziro fariĝi iel utila, eligi ion nepran kaj validan el sia interna memo. Tiu intima rilato kun Dio komencis ja velki kaj malaperi, sed li retenis la kon-vinkon, ke li devas fariĝi ia *peranto,* per kiu Dio malkaŝos ion, plenumos ion grandan kaj grandiozan. Li ja ne sciis, kia tio devos esti, aŭ kiamaniere li komencu. Kiel la hindo en joga-kulto, pri kiu mi legis, tiel la maljunulo unufoje staris vidalvide al faktoj eterne ne-koneblaj por la nura racio. Li eliris el sia „samadhi" kun karaktero ŝanĝita, kun vivo lumigita ; sed li ne povis plene reveni al la stato, en kiu li estis sur la ŝtipo, kiam unue mi lin vidis. Tamen (ĉar lia sperto kongruis kun diversaj ekbriloj de konscio spertitaj de mi mem de tempo al tempo tra la vivo) mi

retimiĝante de l'senĝoja,
askete pura vivdestino,
kiun postulis la doktrino
Tolstoja,

kaj kies milda sinforgeso
ja fakte estis bar' kaj halto
por la eterna antaŭsalto:
Progreso,

pelanta kiel bastonbato
antaŭen, trude kaj tirane,
dum pepis, jelpis, veis vane
Kompato.

*

Progres'! Sen halto! Sange-fajre!
Progres' per skurĝoj kaj per sabroj,
Progres' tra monto de kadavroj,
kanajle,

Progres' per degna hipokrito,
Progres' per hamstra akaparo,
Progres' per ŝakro pri hom-varo,
pri ŝvito,

Progres' per misiista preĝo
sekvata de subpremo bruta,
Progres'! Jo diktis absoluta
mond-leĝo,

mondleĝo kruda kaj kruela,
ke l'Homo pelu por produkto
sin kaj aliajn en fratlukto
muela,

ĝis li, venkinte la Naturon
kaj ĉiun forton materian,
atingos la hom-historian
maturon,

en kiu la Abundo benu
la malbenatan fratbatalon:
la Homo tretu la fatalon,
kaj prenu

la riĉojn lau divido frata,
faritajn frate per laboro
interdonaca, kun fervoro
beata!

kaj tiam la labor' socia
transportu fine surdajn limojn
de la homkorpoj; ĝi l'animojn,
racia

mistero, ligu, saĝa sorĉo,
en sendivida prasubstanco
vivi, venkinte pri l'distanco
per forĝo

ne de okaza kaj maldika
fadeno de kunaparteno,
sed de eterna, sankta ĉeno
fortika,

kiun jam de nememoreblaj
jarcentoj sentis en korfundoj,
kaj sopiregis en profundoj
tenebraj

la elektitoj, kies kredo
albrilas tra l'nebulo dika
de la jarcentoj por mistika
heredo.

Ĉi kredon re-rivelis Markso,
kaj, per vojmontro celdifina,
kvazaŭ per turno de l'obstina
ter-akso,

---

deziris priparoli plu la aferon kun li. Sed li jam revenis en sian staton de praktika interrilato kun la mondo. Li havis timon kontraŭ la alia mondflanko — timon, ke li tro multe iros laŭ tiu vojo.

Tial ni priparolis praktikajn aferojn — ekzemple, la radiotelefonon, ĉar malfrue la pasintan vesperon li aŭskultis per la radio je la unua fojo, en la hejmo de Peĉjo Lodge en la vilaĝo. Ĉiuj apudaj stacioj jam fariĝis silentaj por la nokto; sed Peĉjo, kiu invitis la maljunulon por montri al li la novan ludilon, sukcesis, per malofta bonŝanco, ekaŭdi la malproksiman Ĉikagon, uzante nur simplan ricevilon kun baterio.

Maljunulo Sanders estis plene ekscitita pro la mirindeco de tiu inventajo. Hazarde ili aŭdis el la aero kvarteton de viraj voĉoj (eble nur banala kvartetaĉo, kun haroj pomadumitaj, sur tegmento de iu oficejo!). Ŝajnis tamen al li, kvazaŭ tiuj malproksim-egaj kantantoj havus ian rilaton al la muziko

Lenino igis plan' reala
el la miraĝo de l'homaro.
Jen, jam albrilas tra l'nubaro
vuala

la ben' de l'pentekosta flamo:
la multmiljara fato cedas,
l'utero de la Temp' gravedas
je Amo.

Praviĝas homa memestimo:
la vivbatalo murdofebra
tamen ne devas esti nepra
destino.

Jen, la dentgrinca Akaparo,
iam risorto de Progreso,
jam estas ne nur ne neceso,
sed baro,

obstaklo, stagno kaj absurdo.
Por viv' ĝi ne kapablas frukti,
kaj se ne povas ĝi produkti
por murdo,

ĝi kulpas mondo-leĝ-ofendon:
la manojn halti rigidigas,
per siaj oraj sakoj digas
ascendon

al steloj el la morna valo,
kie mizer' kaj stulto nestas,
kaj kie hom' al homo estas
ŝakalo,

tiel ke kontraŭ tradicio
de hom-al-homa ekspluato
ribelas kune jam Kompato,
Racio,

Prudento, Saĝo, Intereso,
kaj ĝin, sentaŭgan, jam frakasas,
preterbalaas, preterpasas
Progreso!

Progres', vipinta nin despote,
jam ĉielarke nin alridas,
kaj al pli mildaj vojoj gvidas
dorlote,

kaj jen, jam pretas la desegno
de l'planoj, kaj por la idaro
fervoras homa solidaro
pri l' regno

de sindonacaj frat-amikoj,
memestre kaj mondestre saĝaj,
individuaj, di-vizaĝaj
formikoj

de la Laboro kaj Libero:
kristale klaraj mondspeguloj,
eterne gajaj ebriuloj
de Belo.

En tiuj ĉesos tragedio
de dispartiĝo per kunfando
anima en la tera lando
de Dio:

la Dia Land', ĉi praa Kredo,
alvenas, ĝoja, radianta,
la promesita Sav', la sankta
Heredo,

triumfa super la homfato.
Ve, kiuj kontraŭ ĝi deliktas,
pri tiuj senkompaton diktas
Kompato.

---

de la astroj. „Rekte tra la muroj iliaj voĉoj venis, la tutan vojon el Ĉikago!" li miris.

El tiu okazintaĵo elfloretis en li unu nova ideo — ke *li mem* devas produkti muzikon. Tiu malsano de koro, tiu deziro fari sin revelacianto de la *io* — kion li *devas* rekapti, post la klarvida momenteto dum tiu sido sur la ŝtipo — vekis en li la deziron enkarniĝi sian sendifinan sopiron per muziko. Kortuŝa fariĝis lia penado eligi melodion el saksofono, kiun li aĉetis laŭ reklamo en farmistgazeto. Ofte mi aŭdis lin, kiam mi vagadis nokte kun la hundoj. Ofte mi proksimiĝis kaj trovis lin ĉiam sur la sama ŝtipo. Li estis en ĉeesto de aferoj neforgeseblaj; sed atingi al ili, tion li ne kapablis. Li ne povis regajni la vizion.

Iunokte, kiam mi alproksimiĝis allogate de la misharmonia gruntado kaj hurlado de l' saksofono (kiu dissendis hazardajn sonaĉojn el sub liaj seriozaj, sed mallertaj fingroj), li diris al mi: „Estas sensukcese, s-ro Nikoll!

Mi provegas ĝis nun retrovi la returnan vojon. Sed tion mi ne povas. Ekzistas alia mondo proksime ĉirkaŭ ni, jes, ĉi-loke, sed mi ne povas reeniri. Iu fermis la pordon kontraŭ mi. Sed mi sukcesus, pri tio mi certas, se mi povus eligi harmonion el tiu ĉi instrumento. Mi ĉirkaŭvagas penegante muzikludi. La sukceso tamen forrestas. Ho! *kien* ili foriris — tiuj aferoj iam de mi komprenitaj? tiuj amikoj, kiuj klariĝis al mi ĉion, kion mi sopiras ekscii?!"

Do li poste donis la saksofonon al Peĉjo Lodge, kiu komencis ludi ĝin en la vilaĝa orkestreto.

— — — — — — — — — — — — — —

Ĉe tiu ĉi punkto en la rakonto Nikoll haltis kaj restis dum momento rigardanta al la tendarfajro. „Ĉiu homo falas okaze en *ian* strangan sperton" sugestis Thompson. „Nu, kio poste okazis al la maljunulo?" — Atentu! ili aŭskultis! Jen denove la sama malproksima ranego, resoniganta el rando de l' vala lageto sian kanton, „Groge el grund'!" Post tio Nikoll rekomencis la rakonton. La sekvontaj vortoj estas la liaj.

— — — — — — — — — — — — — —

Kelkfoje por ni homoj, mi diras, la „io" estas ĉirpado de grilo en lignajoj de malnova domo; kelkfoje, la pitpatada sono de pluvo sur l' arbara foliaro; kelkfoje la basvoĉo de ranego. Jen la unu, jen alia el tiaj sonoj heroldas al homo la konscion, ke Dio apudestas. Al ĉiu homo rekoneblas unu tia voko. La fajfado de vaporŝipo, forfore en la nokto; la malgaja susurado de mola vento inter cedroarbo; la bojegado de malproksima hundo; la „ton'! ton'!" de preĝeja sonorilo; aŭ la meznokta ululado de krikri-strigo — por ĉiu el ni ekzistas *iu* sono, kiu alvokas.

— Nu, pasis du-tri monatoj, post kiam maljunulo Sanders fordonacis la saksofonon, antaŭ ol denove mi lin renkontis sur la ŝtipo. Tiunokte la ranoj suprenrigardis el la lagetoj kaj kantadis al la brilaj, forforaj steloj.

Sanders estis malsata je interbabilo.

„Estas varme ĉi tie kaj mallume ĉi-nokte" li diris. „Kaj ĉi tie mi sidados kaj meditados kaj parolos — se vi tion permesos kaj ne opinios min (en troega mezuro) strangulo. Kiam statas ĉi-tiele kaj ne estas lumo krom la palpebrumaj steloj, mi aŭskultas la kantadon. Ĝi similas al la voĉoj de homamasoj, kiuj ne povas fari harmonion. Jen unu! — nun, ĉi-momente — kantanta basvoĉe! Jen dua! — vi povas lin ekaŭdi en la malproksimo. La dua kantas pli alttone. Tia estas la voĉfarado de l' mondo. Ĉiu kanto en la marĉo krias alvoke al alia. Similaj al homoj ili estas — al homoj ĉie ĉirkaŭ la mondo, sopirantaj kaj malsatantaj je la sama *io*, kiun ĉiu deziregas. Ili kaŭras simile en la koto, kaj ili suprenrigardas; kaj ie, ekstere kaj ĉe transa flanko, — jes preter la steloj, — ja *estas* io; kaj ili tien rigardas, kaj ili vokas al ĝi. Se ili povus kune kanti, tio farus harmonion, ĉu ne, s-ro Nikoll? Sed jen ili estas, ĉiu en propra kototruo, faranta izolecan sonon. Nenia harmonio. Ĉiu elkantas sian propran akordeton. Ili ne povas kunsonori, por igi aŭdata la veran himnon de Dio.'"

„Ŝajnas, ke ian rano-kvarteton vi volus inaŭguri?" mi lin demandis.

„Jen la ideo, la ideo mem!" li tuj jetis al mi la vortojn, avide kiel bubeto. Horon el kvar, ĉiu kantanta sian propran kantfakon, kiel bone li plejeble povas. Ĉiuj kune en harmonio!"

„Jen estas bona tenorulo ĉe la lililageto" mi diris.

Kune ni sidadis en silento kelkajn pluajn minutojn. Ŝajnis, ke li aŭskultadas al ĉiuj voĉoj ĉirkaŭ ni, atentante, kiel ili flustradas en la herbejo. Mi sentis tiun izolecon, kiun kelkfoje ni ĉiuj suferas. Mi ekvidis maljunan strigon, malvigle flugilumantan super apudaj arboj — malklaran formon, kiu momente forkaŝis la stelojn.

Mi eksaltetis aŭdinte subitan aserton de l' maljunulo: „Mi *faros* ĝin! Jen estas tio, kion mi devas aŭdi!"

Mi alrigardis lian vizaĝon en la malhela lumo. Li havis aspekton de homo, kiu firme fiksis la koron sur grandioza idealo — ne de ulo dresonta bestojn. Nu, se mi nun parolus en kunveno de mistikuloj kaj ne en areto de praktikuloj kaj negocistoj libertempantaj ĉirkaŭ tendarfajro, mi konfesus al vi, kiel li aspektis. Lia vizaĝo estis de homo, kiu jus ekvidis la agon, kiun li *devas* plenumi, eĉ se por tio li devos morti. Unuvorte li aspektis kiel homo, kiu tenas antaŭ okuloj la *idealon*: li aspektis kiel homo, kiu ekvojaĝas serĉante

la neeblon, kiel homo ekvojaĝonta la longan vojon. Aferuloj, kiaj ni estas, faras kompromisojn pri niaj idealoj. (Jen la kaŭzo, kial ni „sukcesas“ !)

La homo, kiu ne povas kompromisi, estas jam komdamnita. Oni krucumas lin. Sed *ni* — ni komprenas, ke ni povas esti kontentaj pri multe malpli ol perfekteco. Ni neniam eĉ celas ĝin. La homojn, kiuj fakte ĝin celas, ni opinias nerespektindaj, nenormalaj. Ni helpas ĉe ilia krucumado. Tiujn ĉi pensojn mi denove primeditis tiun nokton, kiam mi vidis maljunulon Sanders ekmarŝi malsupren la deklivon por serĉi la alttenorulon por sia kvarteto de ranoj.

La trubaduroj de l' herbokampoj kaj lagetoj kantas la kanton de l' etulara popolo. Ĉiu estas individuisto, kaj donas propran voĉon al sia sopirado je lokoj ekster tiu ĉi griza mondo. Egale, la homo, kiu celas kunfandi la multajn voĉojn de l' homaro, havas gigantan taskon. — — —

Nu — por reveni al banala esprimo — maljunulo Sanders „havis inferon“ en siaj klopodoj rilate tiujn ranojn. Por komenco li kaptis la altvoĉan tenoron. Tiu rano estis la „krifajfulo“. Neniu scias, kiam krifajfulo dormas. Se oni estus sufiĉe eta kaj povus, kiel eta bruna feo, ŝteliri al ĝi oni ekvidus ĝin sidanta apud lilifolio sur rando de lageto,kun pufigita gorĝo, kaj trafanta tonon tiel altan kiel la alta „C“ de violono. Tiu alltenorulo kostis al la maljunulo tri noktojn da laciga penado. Kaptita fine ĝi estis, kaj ĝi ricevis hejmon en tre eta lageto malantaŭ la kabano. Tio fariĝis la komenco de l' Granda Ran-Kvarteto.

La dua rano varbiĝis eĉ pli penege. Ofte la maljunulo ekaŭdis ĝin — fore, tre fore apud enmarĉa arbostumpo. „Virbova ranego“ tiu estis, kantanta al la steloj moltonan madrigalon de „Broga grogo, grogo de rum'!“.

„Jen estas nun, mia fundamenta basvoĉulo!“ ofte sopiris la maljuna viro kun orelo streĉe atenta, kun okuloj plenaj de avideco; kaj je ĉiu okazo li ekvojiris tra marĉo kaj marĉebeno, tra foso kaj digo, en direkto al la forfora voĉo. Fine okazis, dum lia ĉasado de l' basulo, ke li havis misrenkonton kun s-ro Mortimer Pardee, la elstara juristo. Pardee havas kamparan hejmon en la supra valo. La rano kun moltona basvoĉo loĝis en anaslageto apud la domo. En bildoj de l' imago mi eĉ nun povas vidi maljunulon Sanders ŝteliranta al la kantanto, colon post colo, kaj s-ron Pardee rigardanta lin tra nelumigita fenestro. Kiam Sanders rampis sub la barilo, la juristo alkriis lin, ordonante lin malaperi el la proksimo.

Pardee rakontis al mi post kelkaj tagoj, kiel la maljunulo alrigardis la fenestron, poste rampis surventre unu-du jardojn plu, kaj poste eksaltegis en kotaĵon ĉe l' rando de la lageto. Pardee alkuris kun kugletarpafilo, estante certa, ke frenezulo atakas lian hejmon. Li pafis per birdkugletoj al grandstatura homa figuro, kiu fluadis je koto kaj malsuprenkuris de la monteto. Maljunulo Sanders ja akiris la basvoĉulon por la kvarteto. Sed tio kostis al li belan dozon da birdkugletoj fajfantaj preter la oreloj, kune kun la konvinko de unu najbaro, ke frenezulo lin vizitis.

Dume okazis ŝanĝo en maljunulo Sanders, kiel okazas ŝanĝo en animo de ĉiu ajn, kiu celas al la finfineca esenco kaj ne konsentas al kompromiso rilate sian idealon. Li diris al mi post la okazo, kiam li estis alpafita: „Mi komencas kredi, ke eble la vizio, kiu min

## ANTIKVA PORCELANO

### C. Snoisky (1841—1903)

Artporcelanoj saksan reĝon ravis,
kolektoverm' stimulis lin sen fino.
Li volis kruĉon ĉinan, — ege gravis —
por ĝi gvardion donis al Berlino,

soldatojn kvincent, kiuj brave pafis.
La prus' profitis el la skerm-rutino,
dum por la lerto, forto, disciplino
la reĝo ŝanĝe bluan ujon havis.

Soldatoj kvincent kun harplekto kreta.
„Absurda far' de frenezul' kompleta.“
— vi diras — „tiel la afero estas.“

Sed post la ŝanĝo pasis jam jarcento
kaj bravaj kvincent koroj — en la vento . . .
La kruĉ' antikva sen difekt' atestas.

El la sveda: *F. Szilágyi*

vizitis tie sur la arbŝtipo, estas la stato de vera ekzisto, kaj ke la nutrado de dombestoj, plugado de l' kampoj, kaj ceteraj korpmovoj, kiujn ni plenumas por akiri manĝaĵon kaj vestaron, estas — nur la sonĝo. Ekstere — kaj ĉe l' alia flanko, — *tie*, laŭ mia kredo, estas la vera mondo. La ĉielo estas interne de mi. Iafoje mi povas aŭdi ĝin kanti."

Nu, ŝajnas, ke li esprimis ion similan al Peĉjo Lodge. Unu vesperon mi renkontis Peĉjon; kaj li diris, ke li malkvietas rilate la maljunulon. „Antaŭe li kutimis paroli en normala maniero" diris Peĉjo, „sed nun li fariĝis eksterracia, — li imagas, ke li estas ia Johanino de Arko, aŭ iu tia. Dum vizito al mia domo hieraŭ vespere li havis en la mano rakonton el gazeta fako de l' taĝurnalo. Estis unu el la ilustritaj rakontoj, kaj ĝi temis pri juna muzikisto. Tiu ĉi mortigis sin per gaso, ĉar li ne kapablis finkomponi ian simfonion, kiun li sentis suprenŝveli en li. Tion asertas la ĵurnalo. La maljunulo diris, ke li bone komprenas, kiel tiu homo la aferon sentis. Mi scias, kiel Sanders malsekigas la piedojn ĉasante ranojn en la nokto. Ne estas dece! Frenezkapulo — jen kio la ulo estas! Konstrui kvarteton de ranoj, por fari muzikon en la nokto! Diable! — kial li ne alparolis min pri la deziro? Mi estus instruinta lin kiel ludi buŝharmonikon, kaj tiel havi tiom da muziko, kiom li volas. Sed li fiksis la volon je tiu kvaro da ranoj kaj ne povas sengiĝi la cerbon je la ideaco."

Por sia baritonulo la maljunulo Sanders bezonis meze grandan specon de verda rano. Tiu, somernokte, estas la kanto, kiun oni aŭdas fari tonon pli altan je unu oktavo ol la meza „C". Dum la longa serĉado pri tiu rano, Sanders pasigis konsiderinde da tempo sur la malnova ŝtipo. Jam komencis persekuti lin la publiko. Pardee kaj Peĉjo Lodge, kaj ceteraj najbaroj interbabilis pri siaj respektivaj observaĵoj. Laŭ ilia konvinko la maljunulo, kiu fiksis la koron sur idealo, estas „mensrompita."

La virinoj pridiskutis la problemon en sia Societo por Dorkasaj Bonfaroj. Ilin malkvietigis la terura penso pri la filino, tie supre sur Porkdorsa Monto en la sama kabano kun la freneza patro. Oni ja devas ion fari. Li ne rajtas resti plu libera, nek mastrumi la farmbieneton. Se tie restus la knabino, ŝi suferus neglekton.

Iun vesperon mi marŝis, aŭ grimpis, supren al la kabano. Li estis for. „Li serĉas specimenon" Katinjo (la filino) klarigis al mi. Mi demandis pri detaloj; kaj kiam si konstatis, ke mi simpatias, ŝi volonte parolis. Kelkaj sinjorinoj jam faris al ŝi viziton, sed ŝi montris al ili la pordon.

„Se Paĉjo volas havigi al si kelkajn ranojn, kiel tio koncernas ilin?" ŝi demandis. „Uloj el la urbego venas ĉi tien por kolekti agarikojn kaj papiliojn. Paĉjo havas egalan rajton esti kolektanto. Kaj li penadas multe pli serioze ol ili. Pli bone estus, se ili ĉesus lin ĝeni. Li jam tro multe malkvietiĝas pro tio."

Ni interparolis kelkan tempon. Ŝajnis, ke ia ŝanĝo okazis en ŝi. Ŝi havis akvarelajn kolorilojn kaj sin okupis per ili. Ŝi penadis „fariĝi tio, kio ŝi nature kapablas fariĝi". Male al ĉi tiuj montaranoj ĝenerale, ŝi ŝajnis havi celon kaj deziron. Mi enkore divenis, ke tio havas ian rilaton kun la maljunulo kaj lia serĉado pri ranoj. Aspektis kvazaŭ du novaj geuloj estus ekloĝintaj en la kabano. La ŝanĝo estis ĉie evidenta. Du ranoj blekblekadis apude, la unua altkrivoĉe, la dua basgrumble. Kaj iam ili kantis sammomente.

Cirkaŭ la naŭa, la maljunulo eliris el la arbaro kaj transmarŝis la senarban spacon. Ekscitite li alvokis min. Li portis sakon en mano. Enpuŝinte la fingrojn, li eltiris meze grandan verdan ranon. „Kvar noktojn mi serĉis kaj ĉasis pri tiu ĉi" li diris, faligante ĝin „plunk"-sone en la etan lageton. Tiam ni ĉiuj revenis al la verando por aŭskulti.

Aspektis tiam kiel efektiva muziko. (Venis al mi ekpenso pri poemo „La Greka Vazo".) La nepra filozofio de l' kantarto kaj de l' arbaro troveblis en ĝi. En la harmonio enestis mistikismo de l' prakreado. La basvoĉa „gru-grund"-ado de l' „virbova" rano, la pli alta tono de la verda rano, kaj la krivoĉa tenoro de l' fajfkriulo — ĉiuj tri kunfandiĝis en melodion similan al ia folklora kanto. Ĝi estis la vera harmonio de *preskaŭeco*, la perfekta grado de l' *preskaŭa* perfekto. En la muziko enestis melodio kvazaŭ de mondo baraktanta por fariĝi esprimhava, en iu loko ĉe transa flanko de l' lumo de la matenstelo.

# La konscienco

## Victor Hugo

Kiam, kun siaj idoj, en vest' el fel' de bestoj,
Kun hirtaj haroj, pala, en mezo de tempestoj,
De antaŭ l'Di-vizaĝo Kain' estis fuĝanta,
Ĉe falo de vespero la morna hom' giganta
Venis al montpiedo, en vasto de ebeno.
Nun la edzin', la idoj, mortlacaj de la peno,
„Ni sur la tero dormu!" — la voĉon al li levis,
Sed ĉe l'pied' montara Kain' maldorme revis.
Kap-leve li ekvidis en la ĉiel' funebra
Okulon larĝ-apertan ĉe ties fund' tenebra,
Kiu el ombro fiksan rigardon tra li boris.
„Mi estas tro proksime!" — tremante li parolis.
Li vekis inojn, idojn, venkitajn de la laco.
Kaj rekomencis kuri, sinistre, en la spaco,
Marŝis dum tridek noktoj, marŝis dum tridek tagoj,
Paŝegis, muta, pala, tremis je ĉiuj krakoj,
Ŝtelire, ne dormante, sen halto kaj sen staro.
Sen postrigardo, — fine atingis al la maro
En land', kiu la nomon ricevis de Asuro.
„Ho, jen azil', ni haltu! — li diris — jen sekuro.
Ni restu, ni atingis al mondo-limoj lastaj."
Kaj kiam li sidiĝis, en la ĉieloj vastaj
Li vidis la okulon, sur sama lok', obsede.
Kaj tiam li ektremis, al nigra frosto prede.
„Ho kaŝu min!" — li kriis. Kaj dum lin timo frapis,
Kun fingro sur la buŝo la filoj al li gapis.
Kaj diris li al Jabelo, patro de gent' fekunda,
Kiu sub tendoj migras en la dezert' profunda:
„Ĉi-flanke disetendu la tolojn de la tendo!"
La vandon oni sternis rule en ŝveba pendo.
Kiam per plumbo-blokoj ĝin oni fiksis forte,
„Nenion plu vi vidas?" — demandis lin mildvorte
Ĉilla, nepino blonda, kun dolĉo de auroro.
„Mi vidas la okulon." Li diris kun hororo.
Jubalo, patr' al gento iranta la urbetojn
Frapante la tamburojn, blovante la trumpetojn,
„Mi faros la barilon!" kun forta voĉ' ekvokis,
Farinte bronzan muron, la avon post ĝi lokis.
Diris Kain': „Min plue rigardas la okulo!"
Kaj jen Enoĥ': „Tur-zonon el fero kaj teruro
Ni levu, kiun pasos nenio viva, morta!
Urbegon ni konstruu kun citadelo forta,
Urbegon ni konstruu, kaj poste ni ĝin fermos!"
Tubalkain', de kiu la gent' forĝista ĝermos,
Konstruon de urbego enorma, superhoma
Komencis, dum la fratoj en la dezerto ŝtona
La filojn kaj la nepojn de Seth kaj Enos ĉasis,
L'okulojn eltranĉante al ĉiu, kiu pasis,
Kaj nokte sagojn sendis al volb' de l' firmamento.
Granit' estis sur loko de la tol-vanda tendo,
Intere ĉiun blokon kunligis nod' el fero,
Kaj ĉi urbego ŝajnis urbego de infero.
Ruliĝis turaj ombroj tra kampoj kaj tra valoj,
Al muroj oni donis la dikon de montaroj,
Surporde skrib': „Al Dio malpermesate enveni!"
Kiam pri mur' kaj baroj jam ili finis peni,
La avon ili lokis en mezo de ŝtonturo,
Sed restis li funebra kaj morna. „Ĉu l'okulo
Jam malaperis, patro? — demandis Ĉilla treme.
„Ankoraŭ estas tie." — Kain' respondis ĝeme.
Kaj jen li diris: „Loĝi mi volas sub la tero,
Kiel soleca homo en sia tomba ĉelo;
Mi vidos plu nenion, nenio min plu vidos."
Do ŝakton oni faris. „Ha, bone! mi en ĝi sidos."
Diris Kain', descendis en sol' sub volbo sombra.
Kaj kiam li sidiĝis sur sia seĝo ombra,
Kaj al li oni fermis super la kap' la minon,
L'okul' estis interne, rigardis plu Kainon.

El la franca: *L. Tárkony*

---

„Se mi nur havus la brunpunktetulon! Se mi povus havi la duavoĉan tenorulon, perfektan kvarteton mi tiam havus." Tiel la maljunulo sopiris. Ĉu povas la „preskaŭo" kontentigi? *Min*, jes — *lin*, ne.

Ĝuste tiam kvar viroj alpaŝis la verandon, aperinte kvazaŭ el nenie.

„Ĉu ni povas kunparoli minuton, Kalviĉjo?" unu alvokis. Sanders forpromenis kelkajn paŝojn kaj alproksimiĝis al ili. Iliaj voĉoj, en la komenco mallaŭtaj, iom pli laŭtiĝis, kaj mi rekonis Peĉjon Lodge kaj la kamparpolicanon, Jef Myers.

„Vi havis nenian rajton, Kalviĉjo, invadi privatan terenon" mi aŭdis diri iun el ili. „Nu, pli bone estas, ke vi kune iru kun ni kelkajn tagojn, malsupren de la monto" tuj estis la postaj vortoj.

Mankatenoj aperis. Kaj io en la maljunulo rompiĝis. La klaĉado — rakontata de la

filino — kaj la kugletaro, la mokado, la fremdaj ekrigardoj de senlaboruloj en butiko de Jackson — ĉio ĉi ŝajnis alpunktiĝi kaj enkarniĝi je tiu momento en la paro da mankatenoj, kaj en la viro, kiu penis fiksi ilin ŝlosilaj ĉirkaŭ la maljunaj manradikoj. Ekpaŝinte malantaŭen, Sanders puŝis la manon en ŝarĝveturilon. Kiam Jef Myers alsaltis lin, sur lian verton la maljunulo kun plena forto faligis pezan radion de veturilrado. La homo falis. Vizaĝalteren li ruliĝis. Sonore falis la mankatenoj sur rokon. Kaj Sanders fuĝe forkuris tra la senarba spaco.

Iu alkriis : „Haltu, aŭ mi pafos !" Ekpafo laŭtkrakis. Lia filino kriegis. Daŭre kuris la maljunulo.

Tiam mi helpis porti la falinton en la domon. Lia korpo estis fleksebla. Sango elfluis abunde. Baldaŭ alvenis la kuracisto kaj ordonis porti lin al la malsanulejo. Tie li restis naŭ semajnojn pro rompita kranio. Nur pene li transvivis.

Kompreneble de tiu tempo datumiĝas vera venĝĉasado ; ĉar malaperis la maljunulo kaj la filino. Poste mi sciiĝis, ke jam antaŭ tiu nokto pluraj personoj registris formalan plendon; tio kaŭzis la supreniron de l' policanoj tiun nokton, por treni la maljunulon malsupren al la vilaĝo, kie li restus observata. Ekmontron de l' mankatenoj sekvis la bato per radradio : kaj ne estis la merito de l' maljunulo, ke la policano ne mortis.

Oni ne povas preskaŭ mortigi kamparpolicanon senpune, eĉ ĉi tie en la montaro ; do nun la ŝtatpolicistoj komencis serĉi kaj ĉasi la maljunulon. Unufoje li pafis al unu el ili de malantaŭ rokaĵo, kaj de tiam li estis ĉasata proskripciulo. Oni foje ĉirkaŭis lin, sed li traglitis. Neniu konis la arbaron pli bone ol li, kaj li sukcesis resti netrovebla.

Semajnoj pasis. Okaze mi vojaĝis tiam en aŭtomobilo, por negoci pri paro da ĉashundoj en montara vilaĝo, dekdu mejlojn norde de la loko, kie nun ni sidas. Mi tranoktis ĉe bestkaptisto al mi konata, en kabano super la vilaĝo. Ni restis eksterdome ĝis malfrua horo, priparolante okazintajojn de l' antaŭaj jaroj. Subite mi *ekaŭdis* ilin ! La altvoĉan tenorulon, la fundamentan basulon, la baritonulon. El fora loko — el trans la arboj kaj el la akvofluejoj — alvenis min la ritmo de ilia harmonio, klartona kvazaŭ el orgeno.

Tiuj ranoj estis inspiraj. Eksterdube ili estis la samaj. Mi ne povus trompiĝi pri la identeco de tiu tenorulo, kie ajn ĝi estus. En tiu direkto ni promenis, la bestkaptisto kaj mi. Ju pli proksima, despli certa mi fariĝis, ke ili estas la ranoj de maljunulo Sanders. Mi demandis al Vilĉjo MacKinney (tiel nomiĝis la kaptilisto), ĉu li aŭdis ion pri la maltrankvilaĵoj en nia distrikto. „Ĉu vi eksciis" mi komencis, „kiel maljunulo Sanders preskaŭ mortigis kamparpolicanon antaŭ kelke da tempo?" Vilĉjo direktis al mi neordinaran rideton, dirante nenian vorton. Tiel mi eksciis, ke li scias, kie maljunulo Sanders sin kaŝas, ĉisupre en la montaro, kaj efektive la tri ranoj estas la liaj.

Post reveno al la kabano, mi elŝtelis min izole, kaj post trimejla vagado mi trovis la malgrandan lagelon. Mi sidis sur rokaĵo kaj dum iom da tempo aŭskultis la harmonion, esperante ke mi renkontos la maljunulon. Sed li ne permesis sin vidi. Do iom antaŭ la tagiĝo mi revenis al la kabano.

La morgaŭan tagon mi ne plu prialudis la maljunulon. Sed ĝuste antaŭ la disiĝo MacKinney memvole diris : „Maljunulo Sanders ankoraŭ priserĉas tra la tuta ĉirkaŭaĵo tiun finfinan ranon ; sed vi ne rajtas diri ion al la policistoj pri tio. La maljunulo estas freneza ? — nur se vulpo tia estas ! Se ili kaptos lin iam, ili devos esti infergrade pli lertaj ol iu ajn policisto, kiun mi ĝis nun renkontis."

Sed fakte — jes, spite ĉion — ili lin tamen trovis. Jen kiel. Iun vesperon mi estis en la butiko de s-ro Jackson, atendante dum li dismetas en alkovetojn la poŝtaĵojn. Ĵus vesperiĝis. (Ĉu vere vi, miaj kamaradoj — diris Nikoll ĉe la fajro — ne legis pri ĉio ĉi ? En urbaj gazetoj, oni kaŝis ĝin en la mezaj paĝoj ; sed ĉi tie estis sensacio.) Jes, antaŭ proksimume ses semajnoj mi estis en la butiko, kaj subite ekkrakis pafo proksime, apud la ŝoseo. Baldaŭ la filo de Jackson enkuris kun vangoj tre blankaj.

„Oni pafis kaj kaptis maljunulon Sanders!" li eksplodis.

Mi alvenis kure, la unua, al la loko. La maljunulo sidis sur griza roko, kun la dorso apoge al arbo. Li aspektis kvazaŭ ĵus en-

dormiĝinta. Nur ĝis la roko li povis stumbli, post kiam oni lin pafis. Li estis morta.

Nu, la fia flanko de l' afero estas la jeno: kvankam la policistoj ekvidis lin kaj laŭtkrie ordonis, ke li haltu, ne estis nekonato, kiu lin mortpafis. Lia najbaro, Peĉjo Lodge, lin pafis per la vulppafilo, kiam li ekfuĝis supren sur la deklivo super la rivereto Malvern. La sekvintan tagon la juĝantaro ĉe la mortenketisto deklaris la maljunulon krime freneza — kompreneble! Tial Lodge oficiale senkulpiĝis. Sed tra la najbarejo oni prialudis lin kiel murdinton, ĝis fine li formigris aliloken.

Sed — ke mi revenu al tiu nokto — la maljunulo sidis kun pachava aspekto, tie sur la roko. (Mi *povus* esti volinta linĉi la pafinton!) Mi restis tie, dum oni iris voki la skabenon. Blankan skatoleton mi ekvidis, kelkajn futojn for de la roko. Mi estis izola, tie kun la mortinto. La luno lumetis nur pale. La rivereto kante bruetis. Mi estis kore soleca. Subite mi ekspertis tiun strangan piksenton en la verthaŭto, kiu atakas eĉ la plej bravajn (inter kiuj mi ne havas lokon) en ĉeesto de io, kion ni ne povas kompreni. Ĉar la blanka skatoleto komencis *moviĝi* — kaj estis nenia vento!

Tiam mi ekaŭdis sonon, similan al la flipflapado de noktpapilio kontraŭ pordkrado en la nokto.

Mi apenaŭ sukcesis enmanigi la skatoleton kaj kaŝi ĝin en la poŝo, antaŭ ol revenis la ceteraj. — — —

En mia kabano, malferminte la skatolon, mi ekrigardis en la senpalpebrumajn okulojn de *la finfineca rano* — finfina membro de l' kvarteto de la kompatinda maljunulo —, en la okulojn de tiu rano de perfekteco, kiu kostis al li la vivon. Ĝi estis efektive la brunmakuletulo. Kiam mi enmetis ĝin en la akvopelveton, post konstruo de kaĝo, li eligis voĉon, kiu trafis la mezan „C"-tonon, tiel bone kiel faras lerta violonĉelisto. — — —

— — — — — — — — — — — — —

Tiel finiĝis la rakonto de s-ro Nikoll, al grupeto de urbuloj sidantaj ĉirkaŭ la tendarfajro. Post longa silento, iu el la mallumo, aliflanke de l' fajrorestajoj, faris la demandon, kiu en la cirkonstancoj estis memkomprenebla.

„Kompreneble mi tiel agis" respondis Nikoll. „Mi vojaĝis supren, en la montaron kun la dua tenorulo, du tagojn post la entergigo. Ĉiam troviĝas homoj (kia mi), kiuj provas savi la aferon kaj antaŭenigi ĝin kiel posteuloj de homo, kiu ne konsentas kontentiĝi je io, kio eĉ plejetagrade malatingas la perfekteco. Sed ŝajne, la evento estas ĉiam samspeca."

La tri ceteraj ranoj estis malaperintaj!

El la angla: *Ernest Dodge*

## KRUDA VIVREALO

**Karolo Piĉ**

Sabat'. Oktobro. Griza tago.
Sur mola koto de ŝoseo
knabin' kun sia amimago
iras. La pordo de liceo

antaŭe ŝin jam alinvitas,
tiu profana, kava pordo,
kiun eniri ŝi hezitas
tremante kiel harpa kordo.

Ĉar trans ĝi tedos ŝin Cezaro,
geografio, Zanzibaro,
fiziko, lingvoj, Palestin'...

Sed ŝi prefere ie kuŝus,
estus tuŝata kaj mem tuŝus,
kaj aŭdus: „Mi adoras vin!"

## REMEMORO POST VI...

**Karolo Piĉ**

La suno ĵus sin liten tiris...
Ĝi iris, kiel vi foriris
antaŭ dek tagoj, Georgino,
kaj ĝi eĉ ne adiaŭdiris...

Kaj nun nur ĝia postsereno
pendas ankoraŭ sur ĝardeno,
kie Venus' Venuson vidas
sur la spegulo de baseno.

Sed baldaŭ eĉ ĝi, kiel fumo,
disiĝos ie en mallumo
kaj ĝi formortos, kiel mortis
nia malgaja amindumo...

# BURCHIELLO

## Jaroslav Vrchlický

Jen granda bru' en strato Calimala,
„Nel bilicato centro della terra",
Laú verso el sonet' de Burchiello.
D'Arrigo Mariotto tien venis
(La „Davanzati"), Acquettino Prato
Kaj la tre klera vir' Battist' Alberti,
Messer Anselmo, lia kantkunulo,
Kaj pastroj kaj nobeloj florenciaj,
Kiom enspacis ilin la razejo.

— „Revenis li el Rom'?"
— „Kun kiaj spertoj ?"
— „Ĉu vidis li la papon ?"
— „Burchiello
Eĉ razis lin" respondis la lernanto,
„Vi mem ja aŭdos, jen la majstro venas !"

Kaj Burchiello paŝis, kvazaŭ estus
Tuŝinta lin la majesteco papa,
Li ĉiujn riverencis kaj manpreme
Invitis ilin en la duan ĉambron.
En unu oni razis, la alia
Por babilado servis, eĉ por klaĉoj.
Apenaŭ pasis sur la strat' paĝio
Aŭ belulin', pri kiuj ne penetrus
Ĉi tien famo ; se liuto ie
En luna nokto sub balkon' eksonis,
Elvokis ĝiaj tonoj ĉiam eĥon
En la razej'; la arteri' de l' urbo
Repulsis tie en parolo sprita
Kaj spica, ŝerco glitis en soneton
Kaj ĉiuj gaje ridis kaj aplaŭdis.
En mez' de l' grupo staris Burchiello.
— „Jes, tion mi por ĉiam rememoros !
Vin ĉiujn razis mi, lertecon mian
De Medici Lorenzo mem elpruvis.
Sed razi papon — jen afer' alia !"
— „Ĉu oni bonvenigis vin ?"
— „Tre dece.
Du kanonikoj min enlasis, knabo
Post mi lavujon portis kaj la sapon,
Kaj kontraŭflanke venis Moŝto Papa
En blanka vest' brilante kiel suno.
Mi genufleksis, kaj pantoflon lian
Kisinte pie, prenis la razilon
Kaj je l' manik' mallaŭte ĝin akrigis.
Afable diris nun Feliks' la Kvina :
„Vi estas do kolego de Petrarca
Kaj Dante ?" — Al ĉiel' fiksante vidon,
Ne sciis mi, ĉu li, la kristanestro,
Min flati volas aŭ nur ŝerce moki,
Kaj diris mi modeste :
„Tiel alten
Mi strabi ne kuraĝas, Papa Moŝto !
Nu, estas vere, ke Andre' Orcagna,
La maljunulo, kiu krom peniko
La plumon majstris, klinis sin al knabo,
Al mi sendinte foje siajn versojn.
Sed Dante au Petrarka, Papa Moŝto,
Por mi neniam estos ĝisflugeblaj :
Razil' kaj laŭro vane ja konkuras."

„Nu, prave vi modestas, mia knabo"
La papo diris, „mi sonetojn viajn
Nur parte kompreneblaj, strangaj trovas,
Sed spritaj."
— „Ili estas, Papa Moŝto,
Senmiksa, pura florencia varo"
Respondis mi trankvile, „defrotaĵo
De niaj stratoklaĉoj ; efemeroj,
Flirtantaj unutage, por perei,
Antaŭ ol sun' en Arnon sin submergas."

— „Sed razi eble scias vi pli bone
Ol fari versojn" —diris Moŝto Papa.

— — „Laŭ miaj etaj fortoj mi klopodos."
Jam frotis mi la sapon kaj alligis
Neĝblankan tukon ĉirkaŭ nuk', la sankta,
Kaj tremis miaj mano kaj mentono,
— „Komencu, Burchiello, nu, kaj pruvu,
Ĉu razas vi, kiele vi poetas.
Antaŭ ol vi finrazos min, en rimoj
Deziron vestu, kiun rekompence
Plenumos mi. Do razu min — kaj verku !
Nun ekridegis Lia Papa Moŝto,
Duonsapita kaj duone seka,
Kaj la razilo jam komencis danci.
Ho ve, sinjoroj, kiel mi penegis !
Egalis lia barbo al stoplejo,
Mi skrapis, skrapis, rimojn kunflikante,
Nur Dio scias, kiom mi cerbumis.
Mi mistranĉetis ofte, sed la papo
Nur ridis, kvazaŭ dirus li : ‚Ne gravas

Sanggutoj kelkaj, fluas pli da tiaj
En kristanaro, vi ne estas kulpa,
Ke tiom stopla estas mia barbo.'
Mi baldaŭ poste tamen ekfervoris,
Kaj la razil' moviĝis jam galope!
Ha, brave! Kiel freŝa roza floro
La haŭt' de l' Papa Moŝto ekaperis,
Glatega, kiel ĉe Lorenzo estas
La kastelplanko. Bonodora rozo!
Sed kion, fratoj, mi travivis dume!
Jen li, la ĉef' de l' tuta kristanaro,
Sub mia man' troviĝas! Tranĉo unu,
Kaj Moŝto Papa — — Ho, terura penso!
Kiom da fojoj zorgon mi eksentis,
Korpreman timon! Oni min arestos,
Pendumos aŭ bruligos sub preteksto,
Ke subaĉete estis mi dungita,
Estante ilo de la politiko —
Kaj ĝin diablo prenu! Kiel kano
Mi ŝanceliĝis; la razilo tiam
Prudenta estis pli ol mem la mastro.

Post mil skrupuloj la labor' finiĝis.

Kaŝinte la razilon, mi humile
Min klinis ĝis la ter', kaj en spegulon
Kontente ekrigardis Papa Moŝto,
Li certe ĝojis pro l' vizaĝo glata
Kaj diris milde:

„Bone vi min razis —
Sed, knabo, nun atendas mi la versojn!"

Kaj mi deklamis, preskaŭ agonie:
„Edzinon, mia frat', al vi ne prenu,
Por ke ŝi vin ne tedu nek ĉagrenu,
Edzinon havi katastrofo estas,
Laŭ propra sperto tion mi atestas.
De edzo ĉia bono kuras for,
Lin trafas nur sufero kaj dolor'.
Edzinon preni, tio estas plago
Por ĉiu nokto kaj por ĉiu tago.
Grasetan ventron havis mi pli frue,
Kun fratoj kantis mi kaj trinkis ĝue,
Mi ĉie venkis, estis gaja, juna.
Malfreŝa estas mia stato nuna,
Ĉar la edzeco ĉiam estas kaŭzo
De turmentiĝo, afliktiĝo, naŭzo;
En vorto *‚edziĝemo'* la du solaj
Silaboj lastaj estas ja simbolaj.
Kaj tial ne edziĝu, kamarado,
Por farti bone ĝis plej alta grado."*

— „Jen belaj versoj" diris Papa Moŝto,
„Por mi la senco tamen fremdas iom."

— „Mi plene kredas tion" mi respondis,
„Al Papa Moŝto fremdas ja edzino."

— „Kien vi celas, kara Burchiello?"

— „Promesis Via Papa Moŝt'" mi diris,
Ke rekompencon rajtas mi postuli
Por la labor'!"

— „Postulu ĝin laŭplaĉe.
Sed kiel ĝi rilatas al la versoj?"

— „Ho, tute bone" mi humile diris,
„Edzinon havas mi, prefere ne havunte,
Kaj se mi nun sukcesis bone razi
Malglatan barbon vian, Papa Moŝto,
Mi petas: je l' edzino min senigu!
Vi povas ĉion, vi ŝlosilojn havas
De l' paradizo kaj de la infero:
Mi en infero vivas; diru vorton,
Kaj en la paradizo tuj mi estos!
Min, Papa Moŝt' senigu je l' edzino!"

Maldolĉe ploris mi kaj genufleksis.

En la spegulon plue rigardante,
Respondis Papa Moŝt', Feliks' la Kvina:
— „Ne eble, knabo; ne disigos tero,
Nek la ĉiel' ĉi tiun interligon.
Ĝin faris Di', ĝin homo ne disigu.
Elekti povis vi. Se vi diablon
Al vi alligis, traktu lin laŭvole,
Malligi tamen — — tion ja ne rajtas,
Nek povas eĉ mi mem. Do, Burchiello,
Plu portu jugon vian; la Savinton
Pli peza kruco premis, kaj ĉe tio
Nek rimojn, nek sonetojn li verkadis."

Kaj li dukatojn du al mi prezentis,
Al mi donante sian papan benon,
Ridetis tiom patre kaj afable, —
Sed li min ne senigis je l' edzino.
Kial mi iris Romon? Mi ankoraŭ
Vizaĝojn razos multajn, multajn plektos
Mi rimojn, sed je ŝi mi ne seniĝos."

Per brua rido lin respondis ĉiuj.

El la ĉeĥa: *Miloŝ Lukáŝ*

* Parafrazitaj versoj de Burchiello.

# FRATINOJ

## JULIO BAGHY

Nel penseme rigardis sian fratinon, sidantan ĉe la fortepiano kaj subite sentis kompaton al ŝi. Kiel diafane maldika ŝi estas. Kiel tipa vilaĝa instruistineto ŝi montras sin en ĉiuj siaj gestoj, kutimoj, preferoj. Jen ankaŭ nun ŝi ludas melodion, kiu rememorigas pri lunatika amo, tute ne konforma al la vervo kaj gusto de la modernaj tempoj. Ŝian naturan palecon pliigas la plafona elektra lumo. Certe ŝi estas enamiĝinta. Kial ne? Jam antaŭ jaroj ŝi estus devinta edziniĝi, sed... Tiu *„sed"* signifis la vilaĝon mem kun ĝiaj vulgaraj dandoj, eble tro drastemaj al la revema, iom nerve malforta karaktero de sia fratino. Sincerdire, Nel mem iris for antaŭ jaroj por rifuĝi ĝuste de tiuj dandoj kaj de tiam ciujare tri-aŭ kvarfoje ŝi revenas viziti la forlasitan gepatran hejmon, kie ŝiaj maljuna patrino kaj fratino vivas kune en animfremda duopo. Jes, la patrino povus modeli kiel tipa vilaĝa vidvino por peniko de pentroartisto. La intimeco, kiu ŝin ligas al sia filino, loĝanta kun ŝi, pli similas al toleremo ol al komprenemo. Nu, jes, la patrino ankaŭ ŝin ne komprenis kaj nun ŝi rememoras pri la kvereloj, kiuj antaŭis ŝian forkuron en la urbon. Tamen nun ŝi jam konstatas, ke inter ŝi kaj la patrino ekzistas gravaj similaj trajtoj en la karaktero. La unua kaj plej grava simileco estas, ke ili ambaŭ rigardas la mondon reale: ŝi en la urbo, la patrino en la vilaĝo. Ili ambaŭ adaptiĝas al la loka atmosfero, al la regantaj kutimoj: ŝi fariĝis laŭmode urbanino, la patrino restis malnovmoda vilaĝanino. Sed ŝia fratino *Lenjo* prezentas sin inter ili kiel animfremda estaĵo. Laŭaspekte Lenjo estas modpasinta, laŭ pensoj tro progresema por kompreni la hodiaŭon. Jen ŝia jus pretigita kostumo estas laŭ minimume dudekjara modelo, ŝia frizaĵo tro simpla por plaĉi al la junuloj, ŝiaj ŝuoj kvazaŭ sakrilegie trograndigas ŝiajn miniaturajn piedetojn, entute ŝia sinteno, parolmaniero impresas kiel knabina idealo de junuloj antaŭ kvardek jaroj. Ne, neeble! Iel ŝi devus skui tiun ĉi lunatikulinon el la revomondo kaj konduki ŝin al la realeco de la vivo. Tio estas ja ŝia fratina devo.

— Lenjo, kion vi ludas? Ĉu denove la „Lastan leteron"?

— Ne! Ion novan. Ĝia titolo estas „Arbara idilio".

— Jen, tio karakterizas vin. Kial vi ne ludas fokstroton? Aŭ la plej laŭmodan dancmuzikon „Makak hupe"?

— Ili ne interesas min... Almenaŭ nun ne... — ŝiaj fingretoj ree elvokis sentimentajn akordojn, arpeĝojn. — Ĉu ne bele, Nel?

— Ne! Tute ne! Mortintaj melodioj, kadavroodoraj lamentadoj pri la amo, pri amdoloro, pri koraj fantaziajoj. Ili terure mensogas. Se la amo estus tia... tia anemia palpado, blinda senorientiĝo, tute certe la virinoj ĉesus naski kaj la viroj...

— Nel, ne estu tro vulgara.

— Ĉu tro vulgara?! Ŝajnas, ke vi ankoraŭ volas kredigi al vi, ke la infanojn alportas la cikonioj. Vi devus jam scii, ke...

— Mi scias, kara Nel, mi scias. Antaŭ dekdu jaroj *vi mem* bonvolis klarigi al mi, ke tiun problemon solvis Adamo kaj Evo sen tiu klakanta birdo. Kredu, ke de tiam ankaŭ mi klopodis ĝuste orientiĝi pri la biologio.

— Dank' al Dio! Tamen ŝajnas al mi, ke vi ne tute komprenas la vivon, tiun vivon, kiun havas surtere la piedirantoj. Kiel oni prave asertas, neniu virino ricevas infanon tra la aero, eĉ se ŝi fariĝas doktorino de la biologo.

Lenjo subite interrompis la ludadon, turnis sin per la turnseĝo al sia fratino kaj tute gaje ekridis.

— Nel, vi eraras! Laŭ la plej novaj eksperimentoj oni asertas, ke virino povas ricevi infanon tra la aero eĉ nekonante la... la... cikonion. Antaŭ nelonge mi legis pri tio interesan disertaĵon; infano sen amo!

Nel mem ridetis por momento, poste pliverve, plitemperamente daŭrigis.

— Aŭskultu! Ne pri infano temas. Ne! Sed pri la amo. Ĉu vi komprenas? Amo, kiu

feliciĝas la junajn korojn. Eĉ ne pri tio temas. Mi volas aludi, ke la amo en ĉiu epoko havis siajn artifikajojn, kiujn oni aplikis por plaĉi unu al alia. Ankaŭ la moderna epoko havas ruzajojn por veki la aman senton.

— Mi ne komprenas vin.

— Ho, ci naivulino! Vere, ci estas vilaĝa anseridino. Por ekzemplo: ĉu vi pensas, ke via pala vizaĝeto, viaj naturaj brovoj kaj apenaŭ rugetaj lipoj, malnovmoda harligaĵo povus impresi viran koron en la urbo? Tute ne! Por tikli la fantazion de la vira koro ni devas sorĉi ŝminke purpuron sur la vangojn, manikure flegi la ungojn, montri pli el la kruroj kaj dekoltigi la veston incitema, elekti ŝuojn, kiuj faras optikan trompon kaj montras almenaŭ tri numerojn malpli ol efektive havas niaj piedoj. Jen! Vi aspektas kiel pupvizaĝa mezepokulino. Ĉu vi pensas, ke kun tia aspekto vi povus almiliti simpation, intereson, amon de viro?

Lenjo tre serioze respondis.

— Jes! Mi almilitis la plej valoran koron. Nel surpriziĝis, iom dube ridetis al ŝi.

— Mirinde! Mi scivolas jam pri via vilaĝa dando. Cetere, kiu li estas? Vi scias ja, ke mi konas ĉiujn en la vilaĝo.

— Li ne estas vilaĝa dando — kaj ŝia voĉo sonis iom ofendita. — Li estas urbano, grandurbano, eĉ metropolano. Jen! Nun vi jam scias.

— Kiam vi renkontis lin?

— Somere, kiam mi iris for en la urbon por renkonti lin, por paroli kun li, kiun mi konis de jaroj kaj kiun mi neniam vidis antaŭe.

— Tre romantike! — ironia rideto akompanis ŝiajn vortojn — Simple vi iris kaj renkontis lin. Li tuj enamiĝis kaj fariĝis via sklavo. Ĉu?

— Ne! Li eĉ ne rimarkis min. Longe mi staris tie antaŭ li inter la lerte ŝminkitaj belulinoj, moderne, virtikle vestitaj, nur poste, kiam li rigardis al mia nepudrumita vizaĝo, al miaj naturaj brovoj kaj nenigrigitaj palpebroj, tiam li longe manpremis kun mi. En tiu manpremo enestis la mira riverenco de viro, kiu rimarkis mian senŝminkitan animon. Jes, la senŝminkitan animon mi montris al li kaj mi eĉ ne kuraĝis pensi, ke li rimarkos ĝin ... kaj tamen ,vidu, li ekamis tiun animon kaj li fariĝis mia estro kaj mi-lia sklavino.

— Tre romantike, pli ol romantike — kaj ŝi subite indigniĝis — eĉ freneze ... Kaj kiam vi renkontiĝas unu kun la alia?

— Neniam kaj ĉiam, kiam ni volas ... La poŝto alportas lian voĉon al mi kaj la mian al li ... Vidu, vi, granda realistino, se mi estus sufiĉe riĉa kaj bizarema, eĉ tra la aero mi povus ricevi infanon de li.

— Ne, ne, ne! Vi ne komprenas, kio estas la amo. Vi ne povas senti la ĉirkaŭprenon de du muskolaj viraj brakoj, vi neniam povas kvietigi la kissoifon de viaj lipoj ... Lunatikulino vi estas. Senkorpa amo! Hahaha! Ami senkorpe kaj ...

— Senkorpa amo ne ekzistas sur la tero Kiam vi estas for de la domo, nia patrino ame parolante pri vi samtempe vidas ankaŭ vian korpon, mi, via fratino, rememorante pri vi, vidas vin same, kvazaŭ vi estus inter ni kaj kiam mi pensas pri li, ankaŭ li aperas antaŭ mi tia, kia li estis dum la kune pasigitaj tagoj ... Korpo kaj animo kune sopiras, suferas, ĝojas, vivas kaj esperas ... Kaj tion vi nomas senkorpa amo. Ĉu? Almenaŭ tio estas tia realajo, kiun vi ricevas de via amanto en la urbo.

— Sensence vi parolas, Jenjo. Vi devus

## MIA SCIEMO

### Karolo Piĉ

Mi volus scii, kie vi nun sidas,
kion vi faras en ĉi tiu hor'
(ĉu vi ne larmas ? ĉu vi ne hezitas ?
ĉu vin ne premas timo aŭ angor' ?).

Mi volus vidi, kion vi nun faras,
nun en ĉi tiuj horo kaj sekund'
(eble kapkline ŝtrumpojn vi riparas,
aŭ kudras truon sur malnova punt' ;

aŭ tute senlabore vi nur sidas,
rigardas ien, ion primeditas
kaj lacas kiel ia Proserpin'.

Aŭ — ĉu ne vere ? — vi bedaŭre ploras,
kiam vi ree, ree rememoras,
ke mi vin iam amis, Georgin' !).

forlasi la vilaĝon, veni kun mi en la urbon, vidi viajn virinfratinojn, ilian vivadon kaj mangi terpomojn anstataŭ iluzitoroj.

— Mi neniam estis sciivola, Nel, sed nun mi demandas, kion vi ricevas pli ol mi?

La milda, humila tono de ŝia voĉo emociis ŝian fratinan koron. Nel tiris sian seĝon tute proksime al la ŝia, prenis ŝiajn manetojn, kvazaŭ sugeste rigardis al ŝiaj okuloj kaj la tono de ŝia parolo estis plena de energia decidemo.

— Lenjo, vi dormas. Vi devas vekiĝi. Vi demandas, kion mi ricevas en la urbo? La veron, la realaĵon! Li venas, atendas min ĉe la pordo de mia laborejo. Dum ni iras sur la strato al la kinejo mi sentas la premon de lia brako. Ni kune vespermangas aŭ dimanĉe ekskursas al la montoj kaj mi aŭdas lian gajan kantadon, mi vidas lian junan vivovolan amoludon, mi sentas liajn kisojn, ni kune faras planojn pri la morgaŭo. Kion mi diru? Nu, li kavalire pagas kaj agas tiel, kiel decas al tiu, kiu amindumas al amata fraŭlino. Ni kune dancas, kune promenas . . .

— Mi komprenas, Nel, sed mi scivolas, kio *restas* al vi, kiam li ne estas ĉe vi. Kion vi ricevas de li?

— Malsaĝajo! Nenio restas. Li estas for, mi pensas, ke morgaŭ li denove venos, ni ree vizitos la kinejon. Estas bone scii, ke la proksiman tagon ripetiĝos ĉio, kio okazis antaŭtage

— Bone, mi komprenas, sed diru al mi, *kion* vi ricevas de li?

— Strange, mi ne komprenas vin. Kion? Kion? Bonbonojn, galanteriaĵojn, mi jam havas eĉ belan brakhorloĝeton. Jen, rigardu! Eĉ la garantian folion pri ĝi mi havas ĉe mi. Kaj, se nenio intervenos, se mi estos sufiĉe lerta, li edziniĝos min. Jen!

— Nur *tion* vi ricevas. Ĉu li estas *tia* malriĉa? Kaj ion similan vi proponas al mi. Tio ne kontentigus min. Mi ricevas reĝajn donacojn de li. Tiuj donacoj almenaŭ estas tiel realaj por mi, kiel por vi la galanteriaĵoj, la brakhorloĝeto. Bone komprenu min! Kio mi estas? Eta, sensignifa instruistineto en vilaĝo. Mi ne estas alloga por la vilaĝaj dandoj, ĉar por ili mi estas tro instruita, tro fraŭlina kaj tre malriĉa. Por mi ili estas tro krudvortaj, netoleremaj kaj tre riĉaj. La sola loko, kie mi renkontis veran puran senton, estas la lernejo, kie la infananimoj multe pli promesas ol poste donas. Pro la malespero de izoliteco mi perdis memfidon, esperon kaj iamaniere mi perdis eĉ mian diokredon. La sciencaj libroj, filozofoj, verkistoj eĉ plikomplikis la deviojn de mia vivlabirinto . . . kaj tiam venis li . . . Ho, li ne kondukis min en kinejon, nek donacis al mi galanteriaĵojn. Simple li malfermis sian koron kaj mi kuraĝis konfesi al tiu koro pri mia senespera, sencela ekzistado kaj tiam tiu ora koro ekparolis kaj inspiris vivocelon al mi, rekonsciigis mian sveníntan animon, rekondukis min al la perdita Dio kaj nun mi sentas min riĉa, tia riĉa, kia ne estas en la vilaĝo kaj tiel feliĉa, kia vi ne estas kun viaj galanteriaĵoj . . . kaj la kisoj, karesoj de la animoj almenaŭ estas tiel sinceraj, se ne pli, ol tiuj, kiujn vi sentas reale, ĉar tiuj kisoj de la animoj ne estas efemeraj.

Paciencon perdinte Nel leviĝis, komencis iradi tien kaj reen en la ĉambro. Subite ŝi haltis antaŭ Lenjo.

— Kio li estas? Pastro! Ĉu? — ŝi abrupte demandis.

— Pli . . . Li estas poeto.

Neretenebla rido erupciis el Nel. Longe ŝi ne povis trovi vortojn por esprimi sian subitan indignon. ĉar ree kaj denove tiklis ŝin la komika penso „poeto kaj la vilaĝa anseridino". Ho, tiu naiva revemulino!

— Poeto?! Hahaha! Revoluciema pugnoskuanto, malamiko de la socia ordo, revieksanto kun grumblanta stomako malplena! Hahaha! Akceptu mian gratulon. La tuta afero tre karakterizas vin.

En la okuloj de Lenjo tremis la retenataj larmoj kaj forte regante sian emocion ŝi demandis mallaŭte:

— Kaj kio estas la via?

— Librotenisto ĉe la Urba Banko — ŝia voĉo kvazaŭ triumfe jubilis.

— Jes ja, mi estus povinta pensi tion. Librotenisto ĉe la Urba Banko, *piedíranta* animo, filistro kun collarĝa horizonto, registranto de la efemeraĵoj, sinjore vestita sklavo de socialaĵoj! Tio gratulinde karakterizas vin! Vere vi ne meritas pli de la vivo.

La du fratinoj malame rigardis unu al la alia. En la rigardo de Nel fulmis la ofendita

# LA MESFARANTO

## (DIMANĈA MESO, 12.15 H.)

*Marnix Gijsen*

„. . .*sicut vermis*"

La mizera maljunulo,
La griza mesfarant' kun kalva kap',
ne povas plaĉi al la mond-okulo.
Sub kraka impon' de or' kaj brokat'
li faras la meson por danda publiko
en purblanka ornat'.
Jen sidas sinjor' de uzuro,
kaj sidas adultulin' ;
ilin konas la simpla laculo.
Li konscias profunde pri peko kaj lukto,
pri l' kaŝ-okuluma virin',
kaj pri l' vira okulo-ludad' de volupto.
Li scias pri l' aroganta naturo
de tiu ĉi riĉa generacio,
pri ties fiero je karn' kaj bien'.
Li preĝas rapide kun dolĉa murmuro,
kaj kliniĝas lia kalva kapo
kun ĉagren',

Neniun vorton diras li
pli alte ol la ondlini'
de unu tono,
li, respektinda en sia maljunul'
kaj la plej humila en la Dio-domo.
Li malfermis la brakojn por grava krucsigno ;
ridante dum ĉi beno la dika sinjoro
eliras kun la putra virin' el preĝejo,
distrite ili aŭdis dum duonhoro
je lia neaŭdebla parolo.
Sed malĝoje, kiel Job sur sterkejo,
li sekvas ilin per postrigardad'.
Sub ŝarĝo de oro kaj brokat',
rompita, flustra estas lia preĝ' al Dio.
La naiva, maljuna vir':
en simplo estas kaŝita lia scio.
Sen kolor' la ĉapelo, la ŝu' oscedas de mizero.
Sed izole, infane li preĝas al Kristo
pendanta „kiel verm'" super la tero.

El la flandra: *Hector Vermnyten*

---

vanteco, en tiu de Lenjo brilis la konsola supereco de la spirito.

— Ci, romantika azenino! Ĉu vi scias, kio estas bankoficisto? Li povos fariĝi eĉ bankdirektoro. Li estras la homojn, li direktas entreprenojn, li estas iu, ĉu vi komprenas, *IU* kaj ne neniu. Lia loĝejo ne estas mizera vilaĝa kabano, nek urba prolethejmo, sed vilao, eble eĉ domego kun lukso kaj komforto. Kio estas poeto kompare al li? Nenio! Vortjonglisto, senracia mizerulo, kiu kuras al fatamorganoj. La plej superflua homotipo en la socio. La poeto estas ĉarlatano de la animoj: li sugestas paradizon kaj donas pajlosakon por tranokti . . .

— Vi pravas, Nel. Tre bone vi diris: la poeto sugestas, profetas paradizon kaj donas nur pajlosakon por tranokti, sed . . . sed sur tiu simpla pajlosako pli korkaresaj songoj konsolas min ol en la silkokusena lito el cedro . . . La inkuboj pro materiaj zorgoj estas pli oftaj gastoj ĉe la librotenistoj, bankdirektoroj . . . Mi ne envias vin pro via bonŝanco. Estu vi ambaŭ felicaj kaj evitu vin la inkuboj, sed sciu kaj lernu de mi, kio estas poeto, kiu havas duoblan vivon, ĉar en la momento de la inspiriteco li vadas per longaj *„cikonikruroj"* en la marĉo de la ĉiutagoj, same kiel la ludantaj infanoj kaj de tie supre li ekvidas jam eĉ tiun parton de la evoluo, kiun la piedmarŝantaj animoj komencos tretadi nur morgaŭ aŭ postmorgaŭ kaj . . .

— Kaj tial li forgesas pri la nuno, tial li preteriras tion, kio estas.

— Vi pravas parte, Nel, sed nur supraja aserto estas, ke la poeto vidas en la nenio kaj preteriras la realajojn, ĉar li ĉiam vidas tion, *kio estas*, eble trans la nuno, sed *tamen fakte ekzistas*. En lia pli larĝa horizonto la morgaŭo jam estas kristaliĝanta realaĵo, kaj ĝuste tial, kiam la ĉiutagaj zorgoj igas lin descendi de la cikonikruroj, li ribelas kontraŭ la miopeco de la tradiciosklavoj. Ĉu mirinde, ke pro la memorbildoj de la ekvidita progreso en sia koro li barakte marĉandas kun la

samtempuloj? Ne! Direktado, animkonstruo estas la ribelo de la poeto eĉ tiam, kiam li renkontas absolutan malkomprenon. Ĝuste tiu ĉi aparta vivo lia, plena de ribelo, revoteksado kaj neglekto de la momento, donas specialan signifon kaj tian distingon al la poeto, en kiu liaj samtempuloj vidas nur pugnoskuantan senhavulon, socian malamikon. Ho, kiel oni eraras! La pugnoskuanta poeto plejofte havas infanan koron, kies altruista amo dezirus ĉirkaŭpreni la tutan mondon kaj savi de plua suferado la tutan homaron.

La vervo, interna konvinkiĝo pentris rozojn sur la vangojn de Lenjo kaj Nel surprizite konstatis, ke ŝi neniam vidis sian fratinon tia bela. La diableton de la kontraŭdiro ne tuŝis tiu plibeligo en Nel kaj ignore, malestime, eĉ pro ĵus vekiĝinta, nekomprenebla malamo ŝi kvazaŭ kriĉis sian respondon al sia fratino.

— Tamen mi ripetas, ke la poeto estas superflua homotipo en la vivo. Nenion valoran, nenion realan li produktas por la socio de la honestaj laborantoj. Unu analfabeta stalservisto, ĉiutage portanta la sterkon sur la agrokampojn, produktas pli utilan laboron por la socio ol cent vortjonglistoj, pugnoskuantaj poetoj viaj.

— Vi eraras, Nel. La mondo povas ĝoji, ĝis ĝi havas pugnoskuantajn, animkonstruantajn poetojn, kiuj post la vagado per la inspirdonitaj cikonikruroj alportas ĉiam novajn sonĝojn, novajn celdifinojn, freŝajn fidon kaj esperon al la senkonsciaj sklavoj de la ĉiutagoj. La unua signo de la vivo-agoniado kaj tiu de la mondpereo estos, kiam la poeto prikantos nur la historian pasintecon kaj li faras kompromison kun ĉiu naneco de la nuno, ĉar tiam li vidos la estontecon pli senespera, pli sencela ... Ho, Nel kiel dolore estas, ke vi ne povas ame kompreni la poetojn kaj pardoni al ili, ke ili kuraĝas sonĝi... Dolore, ke ni, du fratinoj, estas du antipodaj mondoj.

Dum longa momento Nel sentis sin senarmigita de ŝia mildeco, sed poste nova penso donis subitan nutron al ŝia incitemo.

— Nu, kia romantika azenino vi estas, vi eble eĉ oferis vian ĉastecon sur la pajlosako... Hahaha! Ci, stultulino!

Lenjo paliĝis, larmoj ekvualis ŝiajn okulojn kaj ŝi longe rigardis for ien, poste tre mallaŭte, tre milde respondis.

— Eĉ se estus tiel, ne koncernus vin. Mi mem estas la suvereno de miaj korpo kaj animo. Vi estras pri la viaj kaj ne estas mia afero, ĉu vi estis jam kuŝanta en la cedroligna lito de via estonta bankdirektoro? Estas via afero.

— Ĉu vi kalumnias min? Ĉu vi povus supozi pri mi, ke sen laŭleĝa kontrakto mi povus ekkuŝi en la liton de iu viro?

— Vi pravas. Pri vi oni ne povus supozi tian aferon. Vi bezonas garantian dokumenton pri la amo, kiel pri la donace ricevita brakhorloĝeto... Ho, kiel... profunde mi kompatas vin!

— Mi ne estas kompatinda. Eĉ kontraŭe! Mi ne deziras disipi mian vivon. Kial kontentiĝi je nura pano, kiam la vivo proponas eĉ buteron al ĝi? Vane vi mokas min, ĉar la laŭleĝa kontrakto...

— Garantias la amon por vi — kaj pala ridelo kurbigis la lipojn de Lenjo. — Vi nomas min naivulino kaj vi estas pli naiva, se vi kredas, ke tiu papero garantias la *amon*. La naskiĝo kaj morto de amo estas ekster la homa volo. Vanas ĉiu perforto por veki aŭ reteni ĝin.

— Negrave! La leĝa dokumento garantias mian posedrajton en ĉiaj cirkonstancoj. Jen, kion vi ne komprenas!

— Mi bone komprenas vin. Tiu dokumento rajtigas vin esti eĉ prirabanto de kadavriĝinta sento, ĉar la socia hipokriteco garantias al vi tion, kion la Vivo eble jam delonge forprenis de vi.

— Ho, ci... ci... stulta ebriulino de revaĵoj! Estas vane diskuti kun vi. Restu kun cia poeto sur la pajlosako!

— Ho kiel volonte mi elektus tiun pajlosakon, sed ŝajnas, ke la sorto trovas eĉ ĝin tro lukso por mi.

La pordo de la ĉambro malfermiĝis. Ilia patrino, korpulenta, altstatura vilaĝanino paŝis en la ĉambron. Post paso de du jardekoj Nel tre similos al ŝi, almenaŭ laŭ korpa eksteraĵo. Escepte la maturan bonecon, kiu respegulis en ŝiaj okuloj, ŝiaj rozaj vangoj, ne tro profundiĝantaj trajtoj konservis multon el ŝia juneca aspekto.

# La perditaj akuzativoj*

D-ro Lehman Wendell

Estis en la ĥina kvartalo de San Francisko. Mi eniris unu el la hinaj restoracioj — fama en tiu loko — por pasigi kelkajn agrablajn horojn kaj por ĝui la strangajn kaj bongustajn manĝajojn, kiujn la ĥinoj tiel bone scias prepari. Monon por la manĝo mi ne havis en tiu momento, sed tio ne maltrankviligis min, ĉar mi estis bone konata kaj respektata en tuta San Francisko.

Mi trovis la restoracion superplena de homoj. Restis nur unu loko en la tuta ĉambro, loko ĉe malgranda tablo jam okupita de alia viro. La ĉefkelnero demandis min, ĉu mi volas sidi ĉe tiu tablo, kaj ricevinte jesan respondon li alparolis la viron. Tiu kapjesis kaj la kelnero fortiris seĝon, por ke mi sidiĝu.

La viro estis elegante vestita en nigra kompleto, kaj liaj manoj kaj vizaĝo montris strangan palecon kontraŭ la nigraj vestoj. Sur la ringa fingro de la maldekstra mano estis ora ringo kun grandega smeraldo; en la ruĝa kravato brilis granda diamanto. Sed tio, kio altiris mian atenton pleje, estis la okuloj de la viro. Tiajn okulojn mi jam estis vidinta ie. Kie? Kiam? — Ho, jes, mi memoris. Mi iam vidis bildon de Svengali, la hipnotisto, kaj li kaj tiu ĉi fremdulo havis similajn okulojn.

Sur la tablo, antaŭ la viro, estis diversaj manĝajoj al mi nekonataj. Inter ili estis malgranda ronda skatolo plena de ia nigra materialo simila al gudro. Ĝia odoro estis tre forta kaj iom naŭza.

La viro preskaŭ traboris min per siaj okuloj. „Vi estas verkisto" li diris. „Vi preferas verki en la internacia lingvo, Esperanto."

Li ekridis, kiam mi montris grandan surprizon. „Kiu diris tion al vi?" mi demandis. „Vi estas tute prava. Tamen, mi ne konas vin, kaj sendube vi ne konas min. Kiel do vi scias?"

„Mia amiko diris tion al mi" respondis la viro. „Ĉu vi ne vidas lin?" li aldonis,

* Kun apologioj al Lordo Dunsany, kies rakonto, *La Hasiŝ-viro,* sugestis al mi la temon por tiu ĉi fantazia rakonto.

---

Ŝi haltis inter la du fratinoj, momente ŝia rigardo preterglitis la krudan mienon de Nel kaj tiun de la aflikita Lenjo. Ŝi divenis, ke ili diskutadis kaj Nel per sia tiranema konduto torturis sian fratinon.

— Nu, kio okazis denove inter vi?

La du fratinoj obstine silentis. La patrina rigardo emociite karesis la palan mienon de Lenjo, kies tuta eksterajo rememorigis al ŝi ŝian patron. Ankaŭ li ne apartenis al la muskolriĉaj tipoj de la vilaĝaj viroj kaj lin ŝi konsideris ofte pli sia plenaĝa infano ol sia edzo. Ŝia energio kuntenis la familion, zorgis pri ĉio, kio donas firman viveblecon.

— Lenjo, kial vi ploris? . . . Kion ŝi diris al vi?

Ŝi ne respondis.

— Nel, per kio vi torturis vian fratinon?

— Nu, ni diskutis. Jen ĉio! Ŝi montris sin vera vilaĝa anseridino. Ŝi ofendis la librotenistón, kiu amindumas al mi en la urbo. En sia stulta mondpercepto ŝi nomis min eĉ kadavroprirabanto.

— Nu, ne tute tiel estis, kiel vi diras — protestis Lenjo. — Mi ne volis ofendi tiun librotenistón. Mi eĉ deziris, ke vi ambaŭ estu feliĉaj. Jen ĉio!

— Sed pri kio vi diskutis kaj kial estas postsigno de ploro en viaj okuloj, Lenjo?

— Negrave. Jam pasis, panjo kaj . . . kaj negrave . . . Kredu al mi, ke . . .

— Kial vi timas konfesi? — kaj Nel turnis sin al sia patrino, en ŝia voĉo la ĝojo de denuncemo vibris, same kiel dum ŝia infanaĝo, kiam ĉiumomente ŝi kuris por plendi pri Lenjo al siaj gepatroj. — Imagu, panjo, ŝi enamiĝis! Ŝia amato vivas duone en la revoj kaj estas tia lunmanĝanto kiel ŝi. Vortĵonglisto. Ĉu ne ridinde? Komprenebie mi ne povas toleri, ke mia fratino detruu sian vivon

samtempe tuŝante la skatolon per sia longa blanka fingro.

„Ĉu vere? Ĉu tia nigra materialo povas ion diri al vi?"

„Ĉu ĝi povas? Certe ĝi povas. Mi estas haŝiŝ-manganto, vi devas scii. Haŝiŝo estas mirinda amiko. Ĝi diras al mi ĉiujn sekretojn de la universo; portas min al la antipodoj, kaj same facile al la luno, aŭ la plej malproksimaj astroj. *** Vi, kompreneble, ne kuraĝas manĝi ĝin; eĉ ne kuraĝas flari ĝin. *** Ha, mi vetas mian multekostan diamanton, ke vi ne kuraĝas gustumi ĝin." Kaj tiel moke li ridadis al mi, ke mi ekkoleris.

„Nenia homo povas blufi min per tia veto" mi respondis fiere, kaj en tiu sama momento mi prenis grandan prinĉprenon el la nigra materialo kaj englutis ĝin.

„Ha, ha!" ridis la viro. „Nun mi havas gaston, kiu partoprenas en mia manĝaĵo" kaj tion dirinte li englutis eĉ pli grandan pinĉprenon, ol estis la mia. „Hieraŭ" li daŭrigis „mi estis ĉe la Norda Poluso pafanta elefanton, kaj postmorgaŭ mi veturos al Afriko por serĉi la unuan guton da oleo, kiun Rockefeller perdis, kiam li estis juna viro. Ramzeso kasis ĝin sur la pinto de la Granda Piramido, sed Rockefeller tion ne scias. Li pagos al mi milionon da dolaroj por la guto."

Dum la viro parolis, ŝajnis al mi, ke miloj da pingloj komencas trakuri mian korpon, miaj ungoj doloris, mia kapo febris. Subite ĉio ŝanĝis, kaj mi sentis dolĉan trankvilon. Tre, tre malproksime de mi, sur la alia flanko de la tablo, sidis la viro. Subite li fariĝis rave belega fraŭlino, kiu per granda ora kulero englutis unu amason da haŝiŝo post la alia. Kviete kiel kato ŝi glitis al mi kaj sidiĝis sur mia genuo. Ŝi kisis min arde sur la lipoj kaj diris: „Kompatinda viro! Vi estas verkisto, preferas verki en Esperanto, sed eble neniam plu povos tion fari, ĉar vi perdis ĉiujn viajn amatajn akuzativojn."

„Estas neeble" mi ekkriis kun angoro. „Mi absolute ne povas perdi miajn akuzativojn, ĉar mi konservas ilin sur ĉeno, kiu ĉiam pendas ĉirkaŭ mia kolo, kaj kiam ajn mi bezonas uzi unu el ili, mi forprenas ĝin de la ĉeno kaj per fiŝgluo alfiksas ĝin al la vorto, kiu bezonas tian ornamaĵon."

„Ha, jes!" murmuris la fraŭlino, ree kisante min per fajra kiso, „sed mi bone scias, ke vi ne plu havas viajn amatajn akuzativojn, ĉar la ĉeno mem estas perdita."

Mi konvulsie ĉirkaŭpremis mian kolon

pro tiaj stultaĵoj kaj mi diris mian opinion, kaj ĉu vi scias, kion ŝi respondis? Vi eĉ imagi ne povas kia obstina stultulino ŝi estas! Ŝia vivocelo kaj plej alta pretendo estas *unu nura pajlosako*. Hahaha! Pajlosako! Ĉu ne ridinde?

Dum Nel parolis, ŝia patrino ne forprenis sian rigardon de la plorkonvulsie tordiĝantaj trajtoj de Lenjo kaj kiam ĉe la lastaj vortoj de Nel la nereteneblaj larmoj aperis en ŝiaj okuloj, ŝi havis koran kompaton al ŝi. Sed kion diri? Ŝi estas ja maljuna vilaĝanino. Tiuj ĉi fremdiĝintaj infanoj, urba modistino kaj multleginta instruistineto kiel povus kompreni ŝian tro simplan penson pri la amo?! Finfine ankaŭ ŝi ne komprenas ilin. Tamen ŝi devus diri almenaŭ ion konsolan al tiu ĉi afliktita infano. Ŝi karese glatigis la harojn de Lenjo kaj duone al si, duone al ili ŝi esprimis sian opinion pri la afero.

— Paroli pri la amo estas superflue. Kiam, kiel ĝi venas, ne estas grave. Grave estas, ke ĝi kontentigu nin kaj kiom eble plej longe ĝi vivu en ni. Ĉiu amas laŭ sia propra maniero. La librotenisto same kiel la vortĵonglisto. Mi eĉ ne scias kia metio ĝi estas. Vidu, filinoj, via patro estis simplulo vilaĝa. Li paŝis en la salon de mia mastro kaj trovis min melkanta la bovinon. Li rigardis, rigardis kaj fine diris: „Lertajn manojn ci havas, Anjo". Mi turnis min al li kaj respondis: „Ci ŝajnas esti ordema vireto". Ĉe ni tiel komenciĝis. Por li suficis momenta rigardo al miaj laboremaj manoj, por mi estis kontentige rigardi lian malriĉan purecon kaj jen ĝi daŭris, alportis vin ambaŭ, igis nin konstrui tiun ĉi domon kaj ĝi daŭras eĉ nun, kvankam via karmemora patro jam ripozas la dekan jaron sub la tero... Li plibeligis mian vivon... kaj... kaj... — ŝi klinis sin al orelo de Lenjo kaj petole flustris al ŝi la plej konsolan — kaj sciu, Lenjo, ni eĉ pajlosakon ne havis por la amo.

kaj preskaŭ svenis. La ĉeno ne estis tie. Ĉiuj akuzativoj perditaj! Neniam plu mi povos verki en Esperanto, mi, la plej fama verkisto en Esperantujo! Bona Dio! Se mi ne plu povos verki, mi ne povos vivi. Salaj larmoj malsuprenfluis mian vizaĝon. Mia tuta korpo tremis kiel folioj en uragano. Mi estis la plej malfeliĉa homo en la mondo. Oni povas perdi amikojn, parencojn, la lastan kupran cendon, sed kiam Esperantisto perdas siajn akuzativojn, restas nur unu konsolo — la morto.

Mi sentis molan manon sur mia frunto. La bela fraŭlino karesis miajn vangojn, kisis min dolĉe sur la buŝo kaj murmuris: „Kompatinda viro! Vi perdis viajn akuzativojn. Ili ja estis viaj plej bonaj amikoj. Nigra korvo rompis la ĉenon, dum vi dormis, kaj forflugis kun ĝi. Sen tiu ĉeno vi neniam plu povos verki viajn noblajn poemojn. *** Ĉu vi volas retrovi vian ĉenon, viajn akuzativojn? Mi scias, kie ĝi estas. La nigra korvo vendis ĝin al la blanka mevo, kaj la blanka mevo pruntedonis ĝin al la flava montaglo en Alasko. Tiu aglo portis ĝin al la planedo Venuso kaj vendis ĝin al la urbestro Klito, la ĉefurbo de la planedo. Tien ni iru por reaĉeti ĝin de li."

Ŝi mansignis al la kelnero. Tiu alportis glitilojn, surmetis ilin sur niajn ŝuojn, kaj ni elglitis el la ĉambro. Per niaj glitiloj ni facile levis nin en la aeron, traglitis la atmosferon kaj post unu horo trovis nin en la etero. Estis tre malvarme, sed la bela fraŭlino ĉirkaŭbrakis min, kaj mi sentis min varma kaj komforta. Ni perdis la vojon kaj frue en la posttagmezo atingis la Laktan Vojon. Tie la glitado estis tiel bonega, ke ni restis tie dek jarojn, ridante kaj plorante — ridante pro la bonega glitado, plorante pro la perditaj akuzativoj.

En la naŭa jaro de la regado de Harry Hill, prezidanto de Usono, ni atingis planedon Venuso. Apud ĝia ekvatoro, sur granda insulo, ni trovis la ĉefurbon. Strangaj homoj, en pli strangaj veturiloj, zigzagis sur la ĉefstrato, kaj maldika viro en ruĝa uniformo direktis la trafikon. Ni glitis al li kaj petis, ke li direktu nin al la urbestro. En stranga malbela lingvo, kiun ni parte komprenis, kaj kiun li nomis Bastarda Ido, li direktis nin al grandega teatro en la mezo de la urbo.

Tie ni trovis la urbestron, ludantan trombonon en orkestro. Li tuj vidis nin kaj salutis en Bastarda Ido. Mi ludeme tordis lian nazon kaj diris: „Mi perdis miajn akuzativojn. Oni diras, ke ili troviĝas en via urbo. Mi humile petas, ke vi redonu ilin al mi."

„Perditaj akuzativoj ne gravas" diris la venusano. „Mi foje perdis mian tutan lingvon kaj ne povis paroli dum kvar jaroj. Tamen, mi scias, kie estas viaj akuzativoj. Mi aĉetis ilin de la aglo, kaj plantis ilin, kaj el ili kreskis vasta nuksarbaro. Venu kun mi, mi montros al vi la arbaron.

Ni akompanis lin al la suda flanko de la urbo, kaj tie ni ekvidis centojn da arboj kun ruĝaj trunkoj kaj bluaj folioj. De la branĉoj pendis multaj brunaj nuksoj. Li laŭte ekfajfis, kaj giganto aperis el kavo en la tero. „Skuu la arbojn kaj kolektu la nuksojn." La giganto skuis la arbojn, ĝis ili blekis kiel bovino, kaj la nuskoj falis teren. „Krevigu la nuksojn" komandis la urbestro. La giganto krevigis la nuksojn per sia pugno, kaj, mirinde, la kerno de ĉiu nusko estis perdita akuzativo. Ĉiuj estis tie. „Jen viaj akuzativoj' diris la urbestro. „Akceptu ilin kun mia komplimento."

Ni dankis la urbestron, forglitis de Venuso, pasigis aliajn dek jarojn sur la Lakta Vojo, kaj revenis al la tero unu monaton poste. Tiel forte ni trafis la teron, ke mi svenis, kaj kiam mi rekonsciiĝis, mi trovis min ree en la ĥina restoracio en San Francisko. Kiel vaporo la bela fraŭlino estis malaperinta. Ĉe mia flanko staris la ĉefkelnero, kiu malafable ordonis, ke mi pagu kaj foriru. „Sed mi ne povas" mi respondis ĝis mi kolektos miajn akuzativojn, kiuj forruliĝis en ĉiuj direktoj sur la planko."

La kelnero prenis min ja la nuko kaj elĵetis min per tiel malĝentila piedfrapo, ke mi subite trovis min surdorse sur la trotuaro. Ho, kia honto! Mi, altranga homo, respektata en ĉiuj kvartaloj de San Francisko. Elpiedfrapi min el restoracio nur pro tio, ke mi ne havis monon por la malbenita manĝo. Kia humilajo!"

# LINGVO

## LA SOLVO DE „PO"

Ĝis lego de la artikolo de Kalocsay pri la problemo de „po", mi pri tiu ĉi demando estis trankvila kaj neŝancelebla gramatikulo. „Po kiel prepozicio postulas la nominativon kaj fino!" Sed la fluan kaj skrupulan argumentadon de Kalocsay por akuzativo post „po" mi trovis klara kaj persvada. Mi legis glate kaj konsentante plue, plue, ĝis pum! io min haltigis. Tio estis la formo: „Mi donis al la infanoj po unu pomojn." Kaj mi kriis: „Ne! Ĉio ĝis nun estas interpreto pri tio, kion la esperantistoj sentas, se ili uzas ĉe „po" la akuzativon, sed ĉi tiun formon jam neniu esperantisto uzis, nek verŝajne iam volos uzi! Konsentite, ke ĝi estas logika kaj konsekvenca kompletigo de la tezo, sed tia pedantaĵo, tia gramatika ĉizaĵo tute ne havas ŝancon! Ĉiuj diras kaj daŭre diros: „Mi donis al la infanoj po unu pomo" — aŭ ili poltrone evitos en tia kazo la konstruon per ‚po'."

„Do" mi diris plue, „ĉu la uzado restos dolore dividita, ke la anoj de akuzativo post „po" akuzativos en pluralo, sed nominativos en singularo? Se jes, la nominativistoj venkos, ĉar ilia uzo estas almenaŭ konsekvenca!"

Ĉe tiu punkto la solvo de la tuta problemo ekfulmis al mi. Ja ambaŭ pravas, la nominativistoj kaj la akuzativistoj! Ne, mi ne ŝercas, mi parolas tute serioze. Kio do mankas al ambaŭ, ke ilia kompakta rezonado perfekte pruvas sian tezon, sed esceptas la alian? Mankas jeno: *la konsidero pri la elizio.*

Jes, la elizio! Dank al ĝi, verbo ja povas havi post si la nominativon anstataŭ la logike postulata akuzativo. Vidu: —

Mi komprenas, kio turmentas vin.

Uzu al tiu frazo la martelantan logikon de Kalocsay kaj vi certe estos puŝata al la akuzativigo de „kio". Sed tio ne daŭrus unu sekundon. Tiel miopa ja neniu povas esti! La akuzativo apartenas al la eliziita „tion": —

Mi komprenas (tion), kio turmentas vin.

Sed pri „po" ĉiuj (ankaŭ mi mem ĝis ĵus) estis komplete miopaj!

La simpla fakto estas, ke frazo kun „po" ordinare enhavas elizion. Jen estas la plenaj formoj: —

1. Mi donis al la infanoj pomojn, po du pomoj.
   aŭ: — Mi donis al la infanoj (po du pomoj) pomojn.
2. Mi donis al la infanoj pomojn, po unu pomo.
   aŭ: — Mi donis al la infanoj (po unu pomo) pomojn.

El tiuj frazoj la nominativistoj elizias la akuzativon kaj la akuzativistoj elizias la nominativon.

Sed ambaŭ ja pravas! Kaj pravas eĉ tiu, kiu miksas kaj uzas jen nominativon, jen akuzativon. Al li oni povas diri, ne ke li estas malkorekta, sed nur, ke li estas nekonsekvenca.

Tamen unu momenton! Ekzistas alispeca ekzemplo, citita de Kalocsay: —

Prenu la medikamenton
po dudek gutoj.

Kio do? Ĉu ripeti „gutoj(n)"? Tute ne, ĉar „medikamenton" signas la samon, kion „gutoj", kaj tie ĉi ni havas kompletan, senelizian frazon. Se ni nomos la medikamenton „gutoj", ni vidos klare la similecon al la antaŭaj ekzemploj: —

Prenu la gutojn, po dudek gutoj.

El ĉio ĉi sekvas, ke la konkludo de Kalocsay, kvazaŭ la numeralo estus duvizaĝa, estas kimero. La numeralo estas ja *ĉiam* adjektivfunkcia, sed ĉe ĝi, kiel ankaŭ ĉe la gramatikaj adjektivoj, oni iafoje povas elizii la postirantan substantivon. Do

1. El la du ĉapeloj mi elektas unu —

estas tute analoga al

2. El du ĉapeloj mi elektas la bluan.

Ke la numeralo ne estas substantiva, sed ĉiam adjektiveca, estas psikologia vero. Ĉu oni povas (ekster matematiko) pensi pri la nombro sen la „io", kiun la nombro nombras? Se oni ne mencias ĝin, tio simple signifas, ke oni ĝin elizias, sed tutegale oni ĝin alpensas.

Cu la samaj konstatoj valoras por „ĉirkaŭ" en la frazo:

Ĉirkaŭ tridek homoj(n) mi vidis ĉirkaŭ la du mortintoj —?

Sendube. Se „ĉirkaŭ" prepozicie kvalifas „tridek" ĝi kvalifas ankaŭ „homoj" (ĉu pensata aŭ esprimata) kaj „homoj(n)" aperas dufoje en la senelizia frazo: —

Homojn mi vidis, ĉirkaŭ tridek (homoj), ĉirkaŭ la du mortintoj.

Tiam oni povas laŭ sia gusto elizii la „homoj" aŭ la „homojn" kaj ĉiam ricevi validan frazon. Se vi ribelas pri la formo: —

Ĉirkaŭ tridek homoj mi vidis ĉirkaŭ la du mortintoj,

tio povas eliri el du kaŭzoj. Aŭ vi opinias, ke oni malprave eliziis la pli gravan el la du substantivoj, aŭ vi opinias, *ke ĉirkaŭ" ĉi tie agas ne prepozicie, sed nur adverbe;* t. e. ke ĝia signifo estas „proksimume" kaj ĝia formo laŭ pedanta precizeco estus „ĉirkaŭe". Kaj se tion ĉi vi opinias, verŝajne vi pravas. Sed mi ne insistas. Miaflanke mi toleras sufiĉe vaste. Mi nur ne toleras la netoleron kaj — pardonu min, bravaj sobrantoj — la miopecon.

Mi eĉ toleras, ke oni rigardu ankaŭ „po", kiel adverbon, anstataŭ kiel prepozicion, t. e. ke oni kvazaŭ diras: —

Mi donis al la infanoj poe unu pomon . . .

Do jen vidu, ke eĉ la singulara akuzativo (Mi donis al la infanoj po unu pomon) estas defendebla, se oni elektas rigardi „po" kiel adverbon!

Resume, ĉiuj uzataj formoj kun „po" estas el unu aŭ alia vidpunkto gramatike ĝustaj, kaj ni lasu la trovon de la definitiva formo al la uzo kaj la estonto!

*R. Rossetti*

Kara amiko Rossetti! Pri via alparolo mi ĝojas kiel misiisto pri konvertiĝemulo. Jen, vi konsentas, ke en la esprimo

po unu pomojn

„po unu" kaj „pomojn" ne havas inter si gramatikan rilaton, ĉar oni, laŭ vi, povas prezenti tiun danĝeran frazon jene:

Mi donis al la infanoj po unu (pomo) pomojn.

Aliflanke vi, malpli aŭdaca ol la gramatikulo de mia dialogo, timas apliki la pluralon, logikan kaj konsekvencan laŭ via propra opinio.

Nu, per via konsento kaj per via timo vi pravigas ankaŭ tion, kion vi volas refuti: la „duvizaĝecon" de *unu.*

Nome, se *unu* signifas „unu pomo", ĝi reprezentas ĉi tie krom sia propra nombra senco ankaŭ la substantivon „pomo", kvazaŭ alprenante ties substantivan vizaĝon. Fakte la numeraloj tre ofte estas reprezentantoj, kaj tiam ili havas tute substantivajn karakterojn, ili povas havi ne nur prepoziciojn, sed ankaŭ adjektivajn epitetojn. Ekz-e: „Li dividis la pomojn, donis unu grandan al Paulo kaj du malgrandajn al Petro." Kio okazis ĉi tie? La substantivo *pomo,* post sia eliziiĝo, pruntis sian substantivan karakteron, sian „vizaĝon" al la numeraloj.

Aliflanke, ĉar tiu substantivvizaĝa „unu" staras senpere antaŭ „pomo", ĝi ŝajnas ties epiteto pro tio, ke la numeralo antaŭ substantivo havas kutime adjektivan funkcion. Kiel forta estas tiu ŝajno, tion plej bone montras via *timo* apliki post „unu" la pluralon.

Tial mi diris, ke via konsento kaj via timo, kune, rekte pruvas la duvizaĝecon de „unu". Cetere, tiu duvizaĝeco ne devus surprizi anglalingvanon. Jen, rigardu la anglan frazon:

*I find ridiculous your hobby of collecting old pipes.*

Ĉi tie „collecting" estas impertinente duvizaĝa. Ĝi koketas per sia substantiva vizaĝo kun la prepozicio „of", kaj samtempe, per sia verba vizaĝo, ĝi allogas kaj al si ligas la rektan akuzativan objekton „old pipes". En Esperanto tian frazon:

„Mi trovas ridinda vian amatan ĉevaleton de kolekto malnovajn pipojn"

oni rigardus tre malmorala. Sed ĉe la numeraloj, ŝajne oni tamen devas venki sian moralan indignon.

Jes, ĉar mi volas al vi pruvi, ke la adjektiveco de „unu" en la supra frazo ne estas nura ŝajno.

Unue, laŭ mia sento, en la supra frazo eĉ ne temas pri elizio! (En la Plena Gramatiko la problemo estas solvita dumaniere: per elizio en § 215. F. kaj per „duvizaĝeco" en § 215/A. Tiam ambaŭ solvoj ŝajnis al mi akcepteblaj, nun mi pledas nur por la dua.)

Nome, ĉi tie „po unu" ne estas reprezentanto de „pomo": ĝia vizaĝo estas ne tiu de pomo, sed ĝia propra vizaĝo, almenaŭ dum „unu" rigardas antaŭen al la prepozicio. Vi diras, ke la numeralo ne povas esti substantiva *ekster la matematiko.* Sed, kara, ĉu oni povas ignori la matematikon, kiam temas pri *nombroj?*

Se mi volas diri, ke io havas kvaliton de homo, aŭ apartenas al homo, mi prenas la substantivon *homo,* kaj faras el ĝi la adjektivon *homa.* Se mi volas esprimi ies nombron, mi prenas numeralon el la matematiko, kie ĝi vivis sian feliĉan substantivan vivon, kaj devigas ĝin funkcii adjektive. La diferenco estas, ke mi ne faras el ĝi adjektivon per -a, sed mi uzas ĝin senŝanĝe: la substantiva *du* fariĝas adjektiva *du.* Kaj ĝia venĝo estas, ke ĝi konfuzas nin: post „po" kaj „ĉirkaŭ", kaj „ĝis" ĝi ludas ambaŭ rolojn: la substantivan kaj la adjektivan. Tiel same, kiel „collecting", kiu estas la sama formo por „kolektado", „kolektante" kaj „kolektanta", ludas samtempe ambaŭ rolojn: la substantivan kaj la verban.

Ĉe la po-esprimo okazas propre tio, ke la numeralo, *antaŭ* ol fariĝi adjektiv-funkcia, uzas sian substantivecon por tio, ke ĝi alprenas la prepozicion „po". Per tio ĝi plenumas ankoraŭ matematikan funkcion: distribuon. Nur poste ĝi alprenas sian epitetan rolon, kune kun „po". Oni povus tion signi jene:

[po unu] pomojn.

Ankaŭ cetere oni povas miksi la matematikan substantivecon de la numeraloj kun ilia epiteta adjektiveco. Ekz-e, en:

kvin plus unu

la numeraloj estas substantivaj *nomoj* de nombroj. Sed en:

kvin plus kvar homoj

ili, konservante sian matematikan karakteron de nombronomo, samtempe fariĝas adjektivaj epitetoj antaŭ „homoj". Kaj „po unu pomoj" estas tute analoga al:

unu plus unu . . . plus unu . . .

kvin plus unu homoj

Povas esti, ke pro la subtila senco de „po" ĉio ĉi ne estas ankoraŭ tute klara. Pli bone oni povas lumigi la aferon per „ĉirkaŭ". Ni rigardu la frazon: „Mi vidis tie ĉirkaŭ tridek homojn". Vi volas ĝin prezenti jene:

Mi vidis tie ĉirkaŭ tridek (homoj) homojn.

Sed tio estas erara! „Ĉirkaŭ" rilatas nur al „tridek", al la *matematika* 30, kaj signas, ke la respektiva nombro estas ne ĝuste 30, sed ĝi troviĝas ie ĉirkaŭ 30, proksime al 30. Tio — ankoraŭ pura matematiko — tute ne koncernas la „homojn"; eĉ, se jam *nun* oni alpensas homojn, „ĉirkaŭ" tuj ne esprimas nombron ĉirkaŭ 30, sed spacon ĉirkaŭ (30) homoj. Do „tridek" ĝis nun, rilate al „ĉirkaŭ", estas efektiva matematika nombronomo, tute memstara nombro, do substantiva. Aliflanke, rilate al „homojn", ĝi estas epitetfunkcia, do adjektivkaraktera. Kion fari? Ĝi estas duvizaĝa, koketas same ambaŭflanken, kiel „collecting".

Do mi devas persisti ĉe la ekskluziva ĝusteco de

Mi vidis tie ĉirkaŭ 30 homojn.

Mi donis al la infanoj po unu (po du) pomojn.

# OBSERVO

**Vladimir Nazor: La kuriero.**

Nazor estas la plej granda vivanta verkisto de la jugoslavoj. Liajn verkojn karakterizas tiu batalema humanismo, kiu lin instigis, en lia sepdeka jaro, varbiĝi inter la partizanojn de Tito. La heroo de lia romaneto estas Loda: satiro postrestinta el la greka mitologio, alpreninta homan formon, sed tamen senmorta. Elreviĝinte pri la homa socio, li vegetas kiel paŝtisto en la arbaroj de Dalmatio, ĝis kiam, vidante la maljustaĵojn kaj kanajlaĵojn de la faŝistaj okupantoj, li iĝas partizano. Li servas en la liberiga armeo kiel kuriero. Okaze de tiu ĉi rakonto, Nazor metas unun el la grandaj demandoj de la mondliteraturo: la problemon de la rilato inter la socio kaj individuo. Tiun problemon povas definitive solvi sole la socialismo. En la burĝa socio la idealoj de la humanismo ne povas realiĝi, ĉar tie unu individuo baras la liberecon de la alia, la individuo povas validiĝi kaj leviĝi nur je la kosto de la aliaj. Tiamaniere, la konkludo de la grandaj mondliteruraj romanoj estas aŭ tio, ke la heroo, akir ante pozicion en la socio, formarŝandas siajn idealojn, aŭ tio, ke li, sin kontraŭmetante al la socio, fariĝas ekstersocia, izoliĝas. En la batalo kontraŭ la faŝismo, ĉe tiu ekstrema grado de murdo kaj masakro, la senhomeco naskas sian malon: en la komuna batalo por la mondo de la libero, la homo retrovas en sia homkunulo amikon, batalkamaradon. Kaj la satiro Loda, kiu en ĉi tiu romaneto simbolas la humanismon ekzilitan el la mondo de la homoj, per siaj larmoj verŝitaj apud la kadavro de lia ekzekutita amiko revenas inter la homojn. Li fariĝas vera homo, perdas sian senmortecon, kiun li ne bezonas plu, ĉar lia vivo kaj morto akiris sencon kaj celon. La temo meritus la plenan disvolvon de la problemo, en ties tuta komplekseco, sed — ankaŭ en sia mallongo — la romaneto estas pionira verko: unu el la heroldoj de la kontraŭfaŝisma, homar-liberiga milito.

*G. M.*

---

Kaj ili estus la sole ĝustaj frazoj, eĉ se la teorio pri la elizio estus prava (kia ĝi ne estas). Ĉar tiam en:

po du pomoj pomojn

oni nepre devus elizii la vorton „pomoj", ĉar per tio nenio ja perdiĝus: la substantivo „pomoj" ja restus reprezentata per „du". Male, se oni elizius „pomojn", kiun nenio reprezentas, ĝi malaperus senpostsigne kaj per ĝi perdiĝus la rekta objekto de la frazo, ni ricevus frazon stumpan.

Espereble per ĉi tio ni povas fini ĉi tiun diskuton pri „po", ĉar oni jam komencas min tro envii pro miaj zorgoj.

*K. Kalocsay*

**D. M. Kelly:**
**22 homoj ĉirkaŭ Hitler.**

La aŭtoro, nervkuracisto de le usona armeo, oficiale ĉeestis la Nürnbergan proceson. Pri lia libro oni povas diri, ke ĝi apartenas al la plej ekscitaj pritraktoj de ĉi tiu temo-sfero. Kaj speciale interesa ĝi estas pro tio, ke, en interrilato kun la nacista problemo, ĝi kuraĝas tre saĝe kaj tre energie tuŝi ankaŭ la usonan problemon.

La tono de la libro estas tre facila, kvazaŭ konversacia; ĝin ĉiu povas legi sen kaprompo, kaj sen danĝero de endormiĝo. Kelly ĉeestis ĉe ĉiuj demandesploroj de la nacistaj ĉefkulpuloj, ankaŭ ĉe la privataj, kaj tiamaniere li havis la eblon, desegni pri ili senperan, „homan" portreton. Kaj el tiuj portretoj oni povas fari la surprizan konkludon, ke tiuj homoj el nenia vidpunkto estis supernormaj aŭ eksterordinaraj. Tute male, ĉiu estis meza homo (vere: *uomo qualenque),* maksimume ilia karaktero estis iarilate elreliĝinta. Sed tiajn homojn oni povas trovi amasope ankaŭ en aliaj landoj. Kaj el la tuta proceso Kelly tiras la konkludon, ke la historio neniel estas ĉiam la faraĵo de signifaj homoj, el kio sekvas, ke la danĝero de la nacisma sistemo egale minacas ĉiun ŝtaton. Eĉ Usonon.

„La nacisto-gvidantoj tute ne estis tiaj individuoj, el kiaj nur po unu naskiĝas en unu jarcento. Kiel mi observis ilin, ĉiun karakterizis tute ĉiutagaj kvalitoj. Maksimume, tri komunaj trajtoj elstaris el ĉies karaktero: la troa persona ambicio, la malalta moralnivelo, kaj la forta naciismo certiganta pardonon por ĉiu kulpo, se tiu estis farita „en la nomo de Germanio".

„Sed ni rigardu nian propran situacion. Ĉu ne troviĝas ankaŭ ĉe ni ne malmultaj ŝovinistoj, kiuj aprobus eĉ la plej malnoblan politikon, se estus pruveble, ke ĝi servas la interesojn de Usono? Ĉu ne troviĝas ankaŭ ĉe ni ne malmultaj homoj, kiuj emus sin antaŭenpuŝi tra kadavro-montoj, se per tio ili povus por si akiri la absolutan potencon super siaj kuncivitanoj? El tiuj homoj ankaŭ en Usono facile iu povus fariĝi nacista gvidanto. Kaj liaj fideluloj? Kiel ajn harstarige tio sonas, oni devas konstati, ke la popolo de la nuna Usono ege similas al la loĝantoj de la antaŭdudekjara Germanio. Tio estas senduba vero ne nur el ideologia, sed ankaŭ el spikologia vidpunkto. Kiel la popolo de la Weimara respubliko, tiel same ankaŭ la civitanoj de Usono venkinta en la dua mondmilito estas treege inklinaj aŭskulti je siaj sentoj anstataŭ sia intelekto, kaj permesi eĉ, ke iliaj sentoj direktu ilian agadon."

„Sed ni iru unu paŝon plu. Neniu povas kontesti, ke la fundamentajn postulojn de Hitler oni povas trovi ankaŭ en la nuna publika vivo de Usono...

Tio estas tre maltrankviliga simptomo, kaj eĉ pli maltrankvilige estas, ke reveninte el Nürnberg mi devis sperti, ke la rasaj antaŭjuĝoj predikitaj de la nacistoj pli kaj pli laŭtiĝas kaj disvastiĝas en Usono. Tiujn principojn mi aŭdis en la koridoroj de la Nürnberga karcero..."

Oni devas konstati, ke ĉi tiu memkritiko de usonano estas respektinde severa. Ne estas ja facile riproĉi la venkintojn, ke en ili ĝermas, aŭ jam eble eĉ vivas tiuj samaj kulpoj, pro kiuj ili devis severe puni aliajn. Sed Kelly ne kontentiĝas pri la nura diagnozo, li proponas ankaŭ terapion kontraŭ la disvastiĝo de la „usona hitlerismo". Laŭ lia opinio la danĝeron oni povas forigi per la plenumo de tri postuloj:

1. ĉesigi ĉiujn limigojn de la elekt-rajto, kaj fari la voĉdonon deviga, por ke nenia malplimulto povu superregi la plimulton;

2. rifuzi ĉian doktrinon de rasismo; decidi firme, ke oni ne voĉdonos el sentaj kaŭzoj por tiaj homoj, kiuj el rasismaj devizoj, apelaciantaj al malaltaj instinktoj, provas por si fari politikan kapitalon;

3. reformi la edukadon: instrui la junularon pensi — antaŭ ĉio pensi.

Se oni konsideras la aferon, oni povas diri, ke la postuloj de Kelly efektive povus esti utilaj kurac-rimedoj kontraŭ la eventuala naskiĝo de la usona nacismo.

*U. M.*

**La vojo de la sovjeta literaturo.**

La lastan ĝeneralkunsidon de la Sovjeta Verkista Federacio, kiun partoprenis verkistoj el ĉiuj respublikoj de Sovjetunio, *Aleksandr Fadjejev*, la ĉef-sekretario, enkondukis per granda parolado, kies plej grava parto pritraktis la problemon de la realismo, precipe de la socialista realismo.

La nunan taskon de la verkisto Fadjejev vidas en tio, ke li montru al sia leganto ne nur la hodiaŭon, sed ankaŭ la morgaŭon. Tio signifas ne utopismajn profetadojn, sed la malkovron de la futuro-montraj, futuro-kreaj kvalitoj en la nuna homo.

Fadjejev per kura trarigardo montras, ke la grandaj realistoj de la mondliteraturo senescepte serĉis la morgaŭon en la animo de siaj figuroj. En la franca literaturo estis *Balzac*, kiu per unuigo de la realaj kaj romantikaj motivoj atingis en la okcidenta kulturo la plej altan gradon de realismo. En la kreado de tiu granda realisto, la mondo prezentita tia, kia ĝi estas, kunfandiĝas kun la mondo sonĝata tia, kia ĝi devas fariĝi. Tiu sonĝado estas la romantika elemento, sen kiu ne ekzistas literatura realismo.

Fadjejev, farante komparon inter *Flaubert* kaj *Balzac*, trovas, ke ĉe *Flaubert* la manko de la morala idealo malhelpis, ke li iĝu vera realisto. Ĉe *Victor Hugo*, siavice, mankis la sento pri la evoluo de la homo, mankis la scio figuri la homon. *Dickens*-on Fadjejev lokas ien inter *Balzac* kaj *Hugo*. *Dickens* — li diras — kredas je la justo, li kredas je la eblo, ke la bono venkos surtere. La unua en la angla literaturo, li malkovras la simplan homon kiel portanton de alta morala principo. Ĉi tiu kvalito ĉe *Dickens* pariĝas kun akra socio-kritiko; li estas edukito de sociaj movadoj, el kiɔ devenas la romantika elemento en lia realismo. Tamen, li similas al *Hugo* en tiu manko, ke li ne povas montri siajn heroojn en evoluo. Fine Fadjejev mencias la vivgajan, akre kritikeman kaj futuro-montran realismon de *Mark Twain*.

Poste li konstatas, ke en la okcidenta literaturo apenaŭ troviĝas iu krom la menciitaj, kiu serĉus la pozitivan heroon, t. e. tiun homtipon, kiu reprezentas en la socio la moralan principon por la formado de pli bona futuro. Kontraŭe, ĉe la rusaj realistoj, eĉ ĉe la burĝaj, ĉiam estas memkomprenebla la postulo, serĉi la figuron de tiu heroo pozitiva, futuro-porta. Ekde la Pugaĉov-figuro de *Puŝkin*, tra la brilaj kamparan-figuroj de *Turgenjev* kaj *Njekrasov*, ĝis la riĉega galerio de la romanoj de *Lev Tolstoj*, la rusa literaturo svarmas de la naskitoj de la romantika realismo, pri kies destiniteco la jenon diris *Aleksandr Ostrovskij*, la granda dramverkisto: „La rusa homo, se li vidas sin sur la scenejo, prefere ĝoju ol malgaju... Por havi rajton plibonigi la popolon sen ĝin ofendi, oni devas montri, kion bonan oni scias pri ĝi. Jen pri kio nun mi okupiĝas, kunfandante la majestan kun la komika".

Ĉiuj ĉi rusaj verkistoj tamen havis, laŭ la konstato de Fadjejev, unu komunan difekton: ili elektis sia pozitiva heroo ne tiun homtipon, kiu fariĝis, kiel la historio dume montris, kreanto de nova socio en Ruslando. Estis granda literatura ago de *Gorkij*, ke li la unua igis pozitiva heroo de siaj verkoj la pozitivan heroon de la historio: la laboriston-revoluciulon. Per tio li fariĝis la unua socialista realisto.

Interesa estas tiu konstato de Fadjejev, ke la grandaj verkoj de la rusa realismo, ekde la „Mortintaj animoj" de *Gogolj* ĝis la „Memorskribaĵoj el la domo de mortintoj" de *Dostojevskij*, estas senescepte plenaj de ideoj, kaj eĉ de ideoj politike tendencaj, kaj tamen ĝuste ili faris en okcidento la plej grandan efikon en tiaj tempoj, kiam tie evoluis ĝuste ilia malo: la senpolitika, sentendenca, senidea, dekadenca literaturo. Strangmaniere, la nostalgio je la ag-inspira rusa literaturo mirinde interagordiĝis tie kun la pli kaj pli granda pasiveco de la literaturo propra.

La ĝeneralkunsido de la sovjetaj verkistoj decide esprimis la deziron, ke la sovjeta literaturo evoluu en la direkto de la socialista realismo. Tio,

cetere, tute ne signifas ian striktan ligitecon. Temas ja pri literaturo, kiu, figurante kritike la hodiaŭon, montras al la futuro, kaj en kiu la evoluon, la moralan principon reprezentas la samaj homtipoj, kiuj ankaŭ en la historio pruviĝis portantoj de la evoluo kaj de la morala principo — tia literaturo povas enteni direktojn senlime diversajn kaj variajn.

Solan literaturan direkton Fadjejev stampas kiel ideam malamikon: la literaturon dekadencan, forŝiriĝintan de la realo, dronantan en seksaj interrilatoj de la vivo, nehejtatan de ideoj kaj moral-principoj.

En la trarigardo de Fadjejev, inter aliaj interesaĵoj, estas menciata ankaŭ tio, ke en la sovjetan literaturon komencas penetri kiel temo la eksterlando, precipe ĉe militintaj verkistoj, kiuj kun la sovjeta armeo venis en okcidentajn landojn. Tiuj verkistoj estas ne sole rusoj: Fadjejev parolas pri la juna kazaha poeto *Muldegaliev,* kiu „nian realaĵon interfrontigas kun tio, kio okazas eksterlande". Estus certe tre interese kaj instrue rigardi nin mem en la spegulo de la sovjeta literaturo kaj precipe de tiu mez-azia poeto. Estas eble, ke tiu spegulo tie kaj tie ĉi prezentas tro akran bildon, kiel ankaŭ la dramo de *Simonov:* „La rusa demando" la boras per densigoj kaj emfazoj. Sed des pli interesa ĝi estas, des pli evidentige ĝi malkovras la esencon, ĉar la bona literaturo ja spegulas nur tion, kio ekzistas. La sovjeta literaturo, se ĝi rigardas al okcidento, sendube ekvidas en ni multon tian, kion ni mem ne scias, ne volas, aŭ ne kuraĝas rimarki.

*G. H.*

**Lope de Vega: Feunte Ovejuna.**

Li estis por mi nomo en la literatur-historio, certe, sufiĉe kurioza nomo: ni, en la lernejo, alrigardis lin kvazaŭ ian *monstron de la naturo,* kiel Cervantes lin nomas. Kaj vere, la amplekso de lia verkaro estas konsterniga: la nombro de liaj dramoj estas super dumil, en la lastaj ok jaroj de sia vivo ĉiusemajne li verkis unu dramon, kelkajn dum unu tago! Kaj se ni konsideras, ke la triakta hispana dramo, kiel Lope ĝin kreis, ĝenerale estas dumil-versa verko, farita per brila versekniko en plej diversspecaj versoj, do verko tiom ampleksa, ke eĉ ĝia nura kopio donus ŝvitigan laboron al lerta kopisto, kaj se ni konsideras plue, ke krom siaj dramoj Lope verkis nenombreblan kvanton da lirikaj poemoj, romanoj, noveloj, pli ol dek rakontajn poemojn kaj unu el la plej bonaj komikaj eposoj de la mondliteraturo, la Kato-militon: nu, se ni konsideras ĉion ĉi, vere senkomprene ni staras antaŭ tia miraklo de la literaturo. Kaj kio estas ankoraŭ pli nekomprenebla: en la arbarego de liaj dramoj troviĝas pecoj de perfekta beleco. Kaj la ĉarmo, virtuozeco de liaj versoj kaj la ekbrila belo de detaloj admirigas eĉ en liaj plej malfortaj, plej improvizitaj teatraĵoj.

Jes, Lope de Vega estis por mi polvokovrita literaturhistoria nomo, el lia verkaro (krom la sonato tradukita de Kalocsay) mi konis nenion, ĝis antaŭ kelkaj tagoj, kiam li sin prezentis al mi freŝa kaj vivanta en la ĵus aperinta hungara traduko de la dramo „Fuente Ovejuna". La traduko, tre brila verko de Endre Gáspár, estas mem mirinda lertaĵo kun sia freŝa, popola lingvo kaj diable perfekta versekniko. Sed mi volas paroli pri la dramo.

„Fuente Ovejuna" estas vera popoldramo, kies heroo estas unu vilaĝo kaj kies protagonisto estas la amaso. Ne troviĝas ankoraŭ unu tia dramo en la kolosa verkaro de Lope kaj nemultaj troviĝas en la mondliteraturo. Krom la historiaj dramoj de Shakespeare kaj „Boris Godunov" de Puŝkin, en kiuj la popolamaso aktive intervenas en la drama okazaĵaro, eble nur „La Morto de Danton", la potenca revolucia dramo de Büchner, estas ankoraŭ komparebla al ĝi. La kolektiva heroo de la teatraĵo, la kamparanaro de la vilaĝo, faras ligon kun la reĝo kontraŭ la malamata tiranismo de la milita ordeno Calatrava kaj la ĝin reprezentata bienestro. (Kompreneble tiun interligon la reĝa potenco eniris pro propra intereso: temis pri larĝbaza fundamentigo de la centra potenco kaj en tiu klopodo ĝi uzis la forton de la kamparanaro kontraŭ la memstariĝemaj kavalir-ordenoj kaj bienestroj. Apenaŭ pasis jarcento, kaj la reĝa potenco jam fariĝis same subprema kiel la antaŭaj bienestroj. En la tempo de la dramo, tamen, la reĝa potenco estis en la linio de la progreso.)

En majstre pentrita revolucia sceno la turmentitaj, senhonorigitaj kamparanoj kaj kamparaninoj mortigas la bienestron. La reĝo sendas esploran komitaton. Kaj unika estas la sceno, kiam la reĝa juĝisto vane volas eksciі per torturoj la nomon de la mortiginto: grizharuloj ĉe la sojlo de la morto, malfortaj virinoj, spitaj junuloj, dekjara knabeto, ĉiuj respondas al la torturo per la nomo de la vilaĝo: Fuente Ovejuna. Jes, la tuta Fuente Ovejuna partoprenis en la mortigo kaj per praa kamparana solidareco kaj spito ili ne eldonas la farintojn. Kaj kion povis fari la reĝo? Li pardonas, ne volante ekstermi la tutan vilaĝon. La homaro ankoraŭ kvincent jarojn devis atendi je Lidice!

*L. T.*

**Filmfantomoj kontraŭ la paco.**

Antaŭsemajne estis legeble en la ĵurnaloj, ke en Amsterdama kinejo unu virino, sub la efiko de la surekrana ekscita spiondramo, subite ekkaptis la kolon de rigardanto sidanta antaŭ ŝi, kaj komencis tiun sufokadi. Kaj mi, la leginto, pensis ne nur pri tio, ke jen

ankaŭ en Nederlando troviĝas histeriulinoj, sed ankaŭ pri tio, ke la filmo estas potenco forte influanta la pensojn, kaj eĉ la agojn de la homoj. Potenco ne malgranda: la kinejojn vizitas tage 32 milionoj da homoj.

Estas sufiĉe konata fakto: en kies manoj troviĝas nun la plejparto de tiu potenco. Ni scias, ke la Morgan-oj kaj Rockefeller-oj estas ne nur la direktantoj de la Western Electric, United Steel, kaj de grandaj elektro- kaj ŝtalo-trustoj, petrolputoj, armil- kaj aeroplan-fabrikoj, sed ankaŭ la monopolistoj de la usona filmindustrio.

Morgan kaj Rockefeller volas konservi kaj pligrandigi sian havon, ili volas vendi siajn armilojn kaj petrolon. Tial la plej bona reklamo de ilia firmo, la organa parto de ilia negocagado estas la incitado por milito. Tutajn filmojn ili dediĉas al tiu celo, sed tiuj nur malofte venas en Eŭropon. Tro fortaj ili estus por la eŭropaj okuloj, konantaj la militon ne sole el ĵurnaloj. En la informservaj filmoj ni renkontas tiajn malpli delikatajn formojn de la milita propagando: ni vidas la novan usonan mir-aeroplanon „Supertonic", pli rapidan ol la voĉo; la novan gigantan raketflugmaŝinon, la novan militŝipon kaj ties kompanojn, — eĉ apenaŭ ni vidas ion alian krom ĉi tiuj. Tamen, en la animoj pli-malpli malemaj al politiko kaj milito oni devas pli delikate prepari la grundon por la posta pli forta dozo: pli malkaŝa militpropagando. Pli delikate, tiel ke la rigardanto ne rimarku, kio okazas pri li.

Post la milito, MOPEX ĵetis sur la merkaton tutan serion da filmoj, por la ĝisfunda konigo de la fantomoj kaj de la transmonda vivo. La serio komenciĝis per tiel ĉarmaj kaj amuzaj komedioj, kiaj „Mi edziniĝis sorĉistinon", aŭ „Skandalo en la transa mondo", en kiuj fee belaj virinoj revenas el la transa mondo, kun tre teraj intencoj, al ĉi-mondaj tre bonstaturaj viroj. Poste sekvis „La komedio de la vivo", en kiu la filo falas en la milito, renkontas sian patron en la ĉielo, kaj ili kune rigardas de tie supre, kio okazas al ilia familio sur la tero. En la „Konfuzo en la ĉielo" montriĝas, ke la tien veninta boksĉampiono propre ankoraŭ ne estus devinta morti, kaj tial li povas elekti por si novan korpon por reveni al la tero.

Ĉi tiuj filmoj estas parte ĝislarme ridigaj, parte ĝislarme kortuŝaj kaj pli-malpli serioze ili asertas, ke la transmonda vivo estas tute agrabla, kaj morti tute ne estas tiel timige, ĉar ni ja povas reveni de tie sur la teron. Jen nova peco de la serio, la „Triumfa amo" (ĝi estas angla filmo, sed la angla filmdiktatoro Rank kunligis sian sorton per nombraj akciopaketoj kun la usona filmtrustkapitalo). Ĉi tiu filmo jam estas ne nura amuza fantomludo, sed ruza atenco kontraŭ la prudenta homa real-sento. Ĝia agado ludas alterne en la ĉielo kaj sur la tero. Ĝia protagonisto estas piloto, kies febrosonĝoj plurfoje tute intermiksiĝas kun la reala vivo — ekzemple, ĉe la apero de la ĉiela sendito la manoj de la ludantoj de tablo-teniso rigidiĝas senmovaj. Kaj fine nek la naturscienculo, la genia kuracisto de la filmo, nek la rigardanto povas konstati, ĉu la ĉefrolulon savas por la vivo la medicino aŭ la interveno de transmonda spirito.

Ĉi tiu filmo montras la transmondan vivon tiel brila kaj agrabla, kia la antaŭmilitaj usonaj filmoj montris la mondon de la luks-aŭtoj, luks-virinoj kaj luks-loĝejoj. La sanga mortinto venas en la transan mondon kiel glatrazita, eleganta oficiro, inter same gajajn, beluniformajn usonajn, anglajn, eble francajn kaj brit-koloniajn soldatojn. Komprenenble, en tiu Morgan-Rank-a ĉielo, inter la multaj grandiozaj anglosaksoj, flankumas nur unu nerazita, ĉifona figuro, kaj tiu diras sin ruso. Certe Vlasovano, ĉar li devas esti almenaŭ german-solda perfidulo, se li, malgraŭ ke li estas ruso, tamen povis eniri tiun ĉielon.

La filmoj de la armilfabrikistoj ŝtelas en la homajn cerbojn bildojn pri la belaĵoj de la transmorta vivo. Lude-facile ili volus ĝustatempe familiarigi al ni la transmondon.

Dankon, ni ne petas pri tio. Ni preferas la vivon al la morto, ni preferas la pacon al la milito. Jes, ni preferas, eĉ se por la falintaj soldatoj MOPEX promesas transmondon fee belan. Ni volas vidi filmojn, kiuj prezentas la realan vivon, kaj instruas nin pri tio, kiel fari la vivon de la homoj pli bela, pli gaja, pli riĉenhava — ĉiuokaze antaŭ ilia morto. *I. P.*

# RECENZO

## DU AMOSENTAJ NOVELOJ.

Imenlago de Theodor Storm. Maruŝka de Mela Escherich. El la germana tradukis Alfred Bader. 41 paĝoj. Eldonis: Svisa Esperanto-Societo, Bern, 1947.

Noveloj de neplenumiĝinta amo, verkitaj en simpla, kristale diafana stilo. Precipe la mondfama novelo de Storm longe resonadas en la animo de la leginto, sed ankaŭ la novelo de Mela Escherich ne senas impresivan forton.

La traduko estas sufiĉe flua, tamen ne mankas kelkaj stumbletoj. Kial la arkaismo „reveni domen" anstataŭ „hejmen"? „Liaj bukŝuoj, je pas inta modo, estis polvoplenaj." Pli glata estus: „Liaj eksmodaj bukŝuoj estis polvoplenaj." „Ankaŭ" estas ofte postmetita al la vorto, al kiu ĝi rilatas. „Frosttremi", ĉu ne estus pli facile elparolebla: „frostotremi"? „Manon en mano", ĝuste: „manen-mane", aŭ „mano en mano" (vidu la Zamenhofan: „ni paŝo post paŝo atingos la celon"). „Si estis por li ofte tro silenta, li estis por ŝi ofte tro fortega,

sed ne tial unu lasis la alian.“ Klasika ekzemplo, kiel oni povas nebuligi la sencon de klara frazo, la teksto certe volis diri: „sed tial“ (aŭ pro tio) ili ne forlasis unu la alian. „Postiĝintoj“ vere stranga esprimo anstataŭ „malfruiĝintoj“. „Posttagmeze ankoraŭ estis, kiam ...“, ĝuste: „Ankoraŭ estis posttagmezo, kiam ...“ La kantotekstoj, troviĝantaj en la teksto, ne atestas pri versfara lerto de la tradukinto. Ankaŭ la titolo de la libro estus pli plaĉe: Du amnoveloj.

Papero kaj preso tre bonaj. Se ne konsideri la ĉi suprajn riproĉetojn, la libro apartenas al tiuj, kiujn oni volonte gardas en sia biblioteko.

*L, Tárkony*

J. C. HEER: ĈE LA SANKTAJ AKVOJ. Romano. Unua parto. Tradukis: A. Bader, P. Le Brun, J. Schmid. 81 paĝoj. Eldonis Svisa Esperanto-Societo, Bern. 1947.

Cirkaŭe la altmontaro, sube la streta valo: jen la scenejo. Ĉiutaga peniga laboro por la ne tro abunda pano, inter ĉiam embuskantaj danĝeroj de la naturo. Homoj ĉiutagaj, kneditaj el bono kaj malbono kaj homoj eksternormaj, katenitaj de ia frenezo aŭ pasio. Kiel mi jam menciis en mia recenzo pri la Svisa Antologio, la svisan rakontan literaturon karakterizas forta inklino al la drameco. La romano de Heer nur plifirmigas tiun mian impreson: la sceno, kiam unu el la ĉefherooj de la romano supreniras al la montoj por tie ripari la akvokondukilon, kiun detruis la lavango kaj kies restarigo estas viv-intereso de la vilaĝo kaj dum li faras sian laboron, la tuta vilaĝo, kvazaŭ horo en greka tragedio, streĉite atendas la finon de la danĝera eksperimento; jes, tiuj paĝoj apartenas al la plej pure dramecaj partoj de la rakonta literaturo. Kaj kiel vera tragedi-figuro kreskas antaŭ la okuloj de la leganto tiu ĉi Seppi Blatter, patro de du infanoj, kiu memvole oferas sian vivon kaj la bonon de sia familio por la intereso de la komunumo! — Kaj ĉe la fino de la unua volumo jam klare vidiĝas la konturoj de tragika konflikto-eblaĵo inter la vilaĝo defendanta sian tradician, simplan, laborplenan vivon kaj la Prezidanto, kiu en sia monavida maltrankvilemo perturbas la vivon de la vilaĝo. La leganto malvolonte demetas la libron kaj senpacience atendas la duan volumon.

La traduko estas bona, zorge polurita. Apenaŭ ion oni povus riproĉi. Sur p. 16. „gastejmastro pro fremduloj“ certe estas preseraro anstataŭ „por fremduloj“; sur p. 32. anstataŭ „siuloj“ estus ĝusta „la siaj“. Sur p. 34., en verso ni legas: „Prizorgu, ke Seppi Blatter ne falas!“ Eĉ pro la rimo ne licas peki kontraŭ la gramatiko, kiu postulas: „ke Seppi Blatter ne falu!“ Entute la traduko de la kantotekstoj longe postrestas al tiu de la prozo.

Bela kaj impresa legaĵo, oni ne facile liberiĝas de ĝia efekto.

*L. Tárkony*

**Tage Lindbom: Sveda laborista movado.** Tradukis: Martin Johansson. Eldonis: Sveda Laborista Asocio. 92 paĝoj. Formato: 18x12.

La historion de la sveda laborista movado, ties situacion, programon, planojn, ŝancojn rakontas la libreto tre bonguste eldonita, ilustrita per tre klaraj bildoj. Certe kun granda intereso ĝin legos ĉiu, kiu scivolas pri la socia strukturo de tiu ĉi lando, sukcesinta „traoazi“ ambaŭ mondmilitojn. La speciale favoraj cirkonstancoj ebligis tie reformpolitikon, kiu donis vere neordinarajn rezultojn. Unu sola frazo en la teksto min haltigis, kiu parolas, en rilato kun la „neliberecɵ de individuo“, pri Sovjetunio kaj nacisma Germanio kiel pri „avertaj ekzemploj“; tiu kunmikso de fajro kaj akvo iom starigis al mi la harojn. La traduko estas tre bona. *A. K.*

**Prof. Agostinho da Silva: La vivo de la eskimoj.** El la serio: „Ĉirkaŭ la mondo“. Tradukis: M. F. Dua revizita eldono. Portugala Eldona Rondo, Porto. 26 paĝoj. Prezo: svf. 0.50, du resp. kup.

La libro, kiu enhavas ankaŭ kelkajn ilustraĵojn, estas ne seninteresa; precipe junuloj, scivolaj pri la vivo de fremdaj kaj ekzotikaj popoloj, legos kun plezuro la lertan prezenton de la vivo de la eskima popolo.

Kelkaj riproĉoj lingvaj: la interpunkcioj estas metitaj nekutime; kelkloke la prepozicio „al“ uzurpas la lokon de „de“ aŭ de la akuzativo; mi ne povas aprobi la anglamanierajn grandajn komencliterojn en la nomo de popoloj: „eskimo“ ne estas propra nomo, kial skribi do „Eskimo“? *P. B.*

---

**Bibliografiajn Indikojn!** Eldonistoj, autoroj, tradukantoj, recenzistoj devus atenti, kion, laŭ artikolo en „British Book News“, la International Institute of Intellectual Cooperation rekomendis: aldoni en tradukitaj verkoj sur la dorsflanko de la titolpaĝo ankaŭ la originan nacilingvan titolon. Tio estus dezirinda ne nur el ĝeneralaj bibliografiaj motivoj, sed ankau el praktikaj kialoj. Povas ja okazi, ke oni mencias en verkaĵo nacilingva verkon tradukitan en Esperanto, kaj tial bezonas scii la titolon originan. Kelkfoje la titolon de la tradukaĵo la tradukanto ŝanĝas; tiaokaze estus oportune doni ne nur la originan titolon, sed ankau ties klarigon.

Estus rekomendinde presi en ĉiu eldonaĵo la adreson (lokon) de la eldonejo. Ankaŭ en recenzoj oni menciu ĝin, kaj krome la paĝnombron kaj formaton de la libro.

*G. P. de Bruin.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Alabin 33.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukureŝti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

---

Filatelistoj! 38-jara edza policisto deziras koresponi kaj ints. pm. kaj il. pk. kun ĉiuj landoj. Certe respondos. Pavel Dobiáŝ, Zámecká 62, *Frydek* 1, Ĉehoslovakie.

---

*KOREKTO.* Bonvolu noti, ke en la 11—12-a numero de 1947 mankis la indikoj de verkinto kaj tradukintoj de la rakonto „Amor Fati".
Verkinto: Sro Herzberg.
Tradukis: P Schwartz kaj N. J. Nieuwenhuizen.

„Venu harmonio sankta:
Mond' beata, kune-kanta."

# LA II.-A INTERNACIA KONKURSA MUZIKFESTO

(Llangollen, Britujo, 15—20 Junio, 1848) **UZAS ESPERANTON.**

a) Por reklamo (evidente!).
b) Presigo de Esperantaj program-prospektoj.
c) Starigo de Esperanto-kontoro.
d) Invito al eminentaj esperantistoj esti honoraj vic-prezidantoj.

La Unua Internacia Muzikfesto sukcesis kun vizito de 50,000 personoj, alveno de horoj k popoldanc-trupoj el 9 landoj. La dua ekiras potence kun celo doni £ 925 da premioj, regali et- aŭ senkostan gastigon al sendevisaj vizitantoj ktp.

La muzikfesto estas iniciato de simplaj homoj, popolanoj strebantaj la ĉiuhoman pacon, amantaj la muzikon. Ĝi okazas en Llangollen, bela urbeto de montara Kimrujo: hejmo de la horarto.

**Postulu la esperantan prospekton** kun konkursoj por ĉiaj horoj kaj solvoĉoj, div. instrument-konkursoj, popolkanto, popoldanco. Konigu la programon, salutu la Feston. Opuloj salutu bildkarte (pm. bild-flanke), kolektivoj letere ktp. **Salutintojn ni rekompencos.**
Se eble venu! Ni bonvenigos vin. Skribu al

**S-ino Karola Rossetti,**
Ponciau, *Wrexham*, Britujo.

# „La Juna Vivo"

Organo por la junularo, Instruistoj kaj Amikoj de la Junularo.

16-paĝa, ilustrita revuo. Aperas 10-foje jare.

Enhavo: Interesaj artikoloj por ĉiuj grupoj, anekdotoj, enigmoj, ludoj.

Jarabonprezo: 12.— forintoj.

**Abonebla ĉe Literatura Mondo.**

La plej forta kaj plej influa organizajo en la nuntempa Esperanto-movado certe estas

## Universala Esperanto-Asocio

kies supertendenca, neŭtrala sinteno permesas la aktivan partoprenon de kiu ajn Esperantisto, sen diferencigo pri raso, nacio, religia aŭ politika kredo.

## Universala Esperanto-Asocio

per sia delegita reto, kiu ampleksas preskaŭ la tutan mondon, donas altvaloran servon al la praktika Esperantisto, por kiu la Jarlibro de U. E. A. estas konstanta konsultilo.

## Universala Esperanto-Asocio

informas pri la plej gravaj okazaĵoj en la Esperanto-movado per sia bele presita, oportunformata ĉiumonata organo, **Esperanto.** Por ricevi la maksimumon de profito el via Esperanto-scio, nepre aliĝu al

## Universala Esperanto-Asocio

Heronsgate, **Rickmansworth,** Herts, Anglujo.
Petu prospekton! Perantoj en multaj landoj

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli (Bleier) Béla. — Globus rt., Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Margittay Antal ig.